XXV-a jaro. — N° 351-352 (11-12). Monata Novembro-Decembro 1929.

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.

ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.

ENHAVO: 

## Pri la Kongreso en Oksfordo

de Edmond PRIVAT.

Kun granda ĝojo la esperantistaro ĵus aŭdis, ke la venonta kongreso okazos dum Aŭgusto 1930 en Oksfordo, la fama kaj antikva universitata urbo angla. Oni devas danki niajn britajn samideanojn, ke ili bonvolis preni sur sin tiun taskon. Nenian pli belan deziron oni povas esprimi ol tiu-ĉi, ke la Oksforda kongreso estu tiom ĉarma kaj sukcesa, kiom la Kembriĝa.

Efektive nia tria Universala Kongreso en Cambridge 1907 lasis neforgeseblan impreson al ĉiuj partoprenintoj kaj aparte al nia Majstro, D-ro Zamenhof, kiu estis tiel feliĉa tie.

Ambaŭ malnovaj universitataj urboj kun siaj mirindaj arkitekturaj juveloj, gotikaj kolegioj, verdegaj kampoj, serpentaj riveroj kun sennombraj boatoj ravas la okulojn. Dum foresto de la studentoj oni loĝis tre gaje en Kembriĝaj pensionoj, kie la organiza Komitato, la « Trio por la Tria » zorge arangis ke diversnacianoj kunestu. Ĉe ronda tablo kunsidis ĉiutage por ma[illegible]manĝo interalie hispana pastro, svisa instruistino, angla oficisto, hinda studento, germana policisto kaj franca presisto. Baldaŭ ili formis plej unuigitan familion kaj ĉiuokaze interparolis ne nacilingve, sed en ĉiam pli perfekta esperanto.

Alia mirinda aranĝo estis la solena akcepto de D-ro Zamenhof en la urbodomo de Londono post la Kongreso. Kompreneble ne ĉiuj ĵurnaloj sendas korespondantojn al provinca urbo, dume en Londono aperas amaso da mondgazetoj, legataj ĝis New York kaj Tokio. Tial impresa solenaĵo en la ĉefurbo mem estas la plej grava parto de la tuta Kongreso laŭ propaganda vidpunkto.

Same kiel en Cambridge en 1907, la esperantistoj trovos kelkajn amikojn inter la universitata sciencularo. Ŝajnas kvazaŭ nekredebla risko por esperantistoj kongresi ĝuste en la intelekta centro de tiu insulo, kies lingvo akiris tiel vastan potencon en la mondo, ke jam multaj homoj konsideras ĝin kiel la mondlingvon. Tamen ĝi estas profunde saĝa. Kial ?

Ĝuste ĉar tiu tutmonda disvasteco de la angla kulturo kutimigis ĝiajn sciencistojn kaj pensulojn rigardi aferojn el internacia vidpunkto. En neniu alia troviĝas tiel multnombra rondo de praktikaj idealistoj, okupataj ekzameni kaj diskuti ĉiujn problemojn de la internacia vivo. Nenie alilande vi trovos tiom da verkoj pri Ligo de Nacioj, Haga Tribunalo, forigo de doganoj, ktp. La plej eminenta helenisto en Oksfordo, Profesoro Gilbert Murray, ageme apostolas kontraŭ milito kaj eĉ subtenis Esperanton ĉe la Ligo, ĉar li komprenas la neceson pri plena egaleco inter ĉiuj nacioj, grandaj aŭ malgrandaj.

Krom tio kelkaj anoj de la nuna brita registaro rigardas favore la esperanto-movadon kiel helpon al vera kompreniĝo inter-popola, ne nur interregistara. En ilia ĉiutaga organo aperas regule rubriko pri ĝi preskaŭ ĉiusemajne. Tie kuŝas cirkonstancoj, kiujn la organizantoj, nome la Brita Esperanto-Asocio, kompreneble scios uzi por la bono de la kongreso. Sed neniu forgesu ke Anglujo estas la lando tipa de l'privata iniciato. Oni tute ne kutimas tie atendi ĉion de la registaro kaj oni plej ĝenerale faras ĉion sen ĝi kaj ekster ĝi.

Eĉ la publika instruado, kiun Angloj nomas kaj igas publika « edukado », dependas, ne de la registaro, sed de lokaj aŭtoritatoj. Pro tio kelkaj el ili povis sufiĉe facile enkonduki eĉ devigajn lecionojn pri esperanto en iujn lernejojn de kvin aŭ ses provincurboj jam antaŭ deko da jaroj. Ĉiu memoras pri la pionira lernejo en Eccles.

La rolo de la registaro poste limiĝis al vizito de tiaj kursoj deper reĝaj inspektoroj kaj al eventualaj subvencioj. La raportoj montris rimarkindan miron kaj kontentecon pri la rezultatoj. Unu el ili aperis

oficiale kiel aldono al la enketo de la Ligo de Nacioj pri « Esperanto kiel internacia helplingvo ». En ĝi estis rekomendata la plua daŭrigo de registaraj subvencioj al tiuj eksperimentoj. Ni ne scias ĉu niaj britaj samideanoj ankoraŭ uzas tiun eblecon por instigi aliajn lernejojn imiti la komencitan ekzemplen.

Ĉiam tre plaĉis al ni la objektiva maniero, laŭ kiu la anglaj inspektoroj juĝis pri Esperanto en lernejoj. Ili ja sciis tre bone, ke anglaj komercistoj, ne kiel japanaj aŭ hungaraj, povas tute trankvile skribi nacilingve siajn leterojn al eksterlando sen granda risko. Ili do ne iluziumis pri granda tuja utilo de la lingvo por komerco ĝis oni akceptos ĝin grandskale, sed ili konstatis efektivan kaj fortan valoron de esperanto kiel edukilo.

Ili rekomendis ke oni subvenciu ĝian instruadon kiel enkondukon al fremdaj lingvoj, kiel bonegan kurson de fonetiko kaj modela gramatiko, pruvinta sian helpon eĉ al plikono de la gepatra lingvo. Nu, el usona universitato (Massachusetts) alvenas hodiaŭ programo de esperanto-lecionoj kun la sama celo inter la temoj por eksteraj kursoj (Extension courses). Ĝi estas bona signo kaj atentinda en edukistaj rondoj.

Tamen estu neforgesata la fakto, ke Anglujo suferas je terura senlaboreco pro ne sufiĉa eksportado. Eĉ ministroj devas fariĝi komercvojaĝistoj por akiri mendojn el eksterlando. S-ro Thomas kunportis eĉ specimenojn al Kanado ! Antaŭ ne longe la hereda Princo mem plendis pri tio, ke la angla industrio ne scias iri surloken kaj valorigi siajn fabrikaĵojn. Angla lingvo estas certe tre disvastigata, sed multaj homoj ne scias ĝin kaj ne legas anglajn katalogojn. Kvankam germana lingvo ankaŭ estas ĉie lernata en Eŭropo, tamen germanaj industrioj kaj foiroj penas eldoni reklamilojn en aliaj lingvoj kaj ne malofte en Esperanto, ĉiam kun profito. Sama rimarko taŭgas pri turismo. La Angloj kvazaŭ nenion faras por allogi fremdulojn al siaj mirindaj vindindaĵoj. La esperantistoj povus alporti veran helpon al Anglujo por tio.

Sed super ĉio regas tiu grava cirkonstanco, ke nuntempe la gvidantoj de la angla nacio entreprenas grandiozan provon por limigo de l'armiloj en la tuta mondo kaj submeto de ĉiuj konfliktoj al interŝtata tribunalo. En tia atmosfero kaj en tia programo la esperantistoj devas postuli lokon por la necesa kaj potenca helpilo : la interpopola lingvo.

# 22a Universala Kongreso de Esperanto

## 6a SOMERA UNIVERSITATO

## Informa Bulteno N-ro 1.

*Adreso por korespondaĵoj:* Sekretario, 22a kongreso de Esperanto, 142, High Holborn, London W. C. 1.

*Kongresa Prezidanto:* Bernard E. Long, B. A.
*Vicprezidanto:* Profesoro W. E. Collinson, M. A. Ph, D.
*Loka kongresa Komitato:* Prezidanto : Robert Robertson, Kasisto : Paul Blaise ; Sekr. : C. C. Goldsmith. F.C.I.
*Komitatanoj:* S-ino M. Blaise, F. B. Bourdillon, M-A., J. Brennan, R. East, W. A. Gething, J. Merchant, L. N. Newell, F-ino V-C. Nixon, B. A.

*Aliĝiloj:* Sendotaj pere de la ĉefaj gazetoj esperantistaj kaj de la Naciaj Societoj. Mendeblaj jam rekte ĉe la oficejo.

*Kotizo:* 20 ŝilingoj britaj senescepte. Plej praktike oni sendu britan monbileton de unu funto, rekomendite. Post la unua de Julio 1930 la kotizo estos 30 ŝilingoj.

*Garantia Kapitalo:* La LKK zorge penos eviti deficiton. Por certigi la financojn estas fondita garantia kapitalo.

*Donacoj:* La LKK volonte ricevos donacojn por helpi al plena sukceso de la kongreso.

*Blinduloj:* La LKK akceptas pere de la aliĝiloj aŭ alimaniere mondonacojn por ebligi al blinduloj esp. la partoprenon de la kongreso.

*Loĝado:* Detaloj aperos en venonta bulteno sed la LKK jam nun informas ke ĝi ne garantias loĝejon al kongresano ne sendinte la mendilon antaŭ la unua de JULIO 1930.

*Fakaj Kunvenoj:* Organizantoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn.

*Proponoj:* La LKK danke ricevos kaj zorge konsideros fruajn proponojn deklami, kanti, ludi k.t.p. ĉe kongresaj koncertoj.

*Oficiala Organo:* Ĉiu kongresano ricevos la gazeton « International Language » de Januaro ĝis Aŭgusto 1930 kaj poste la numeron kiu enhavos la raporton de la kongreso. Se kongresano jam abonas « International Language » oni esperas ke li ne ĉesigos la abonon, sed fordonos la pluan ekzempleron por propagandaj celoj.




de la Komisiono por Radio-Statistiko, Komisiita de I.C.K. Kunmetita de J.Jungfer,Lindenstrasse 10,Lübben N-L,Germ.

*La tempo estas tiu de Meza Europo.*

La vintra tempo de la meridiano de Greenwich (GMT) estas unu horo pli frua. = Novaĵoj.

*Mallongigoj* : K = Kurso. P = Parolado, parolas. Nov.

DIMANĈO
08.30. — *Langenberg,* 473 m. — Aachen, Köln, Münster. Par : Dormanns. — P. K. — 30 min.
08.50.— *Huizen,* 1.875 m.— Par : Faulhaber. N. 15 min.

LUNDO
22.15. — *Paris-Radio,* 368 m. et 61 m. K. : — 15 min. Par. : Inĝ. Favrel.

MARDO
18.00. — *Kiew,* 800 m. — K. — 30 min.
20.50. — *Minsk,* 700 m. — Kultura vivo de Blankrusia Respubliko Soveta, (en nomo de l' Sovnarkom) P. — D. Snejko.

MERKREDO
20.30. — *Ljubljana-Laibach,* 572 m. — P.
21.30. — *Torino,* 275,2 m. — Par. — 10 min.

ĴAŬDO
18.30. — *Paris, P.T.T.,* 447 m. — K. amuza.
20.35. — *Kovno,* 1.935 m. — Nov. 15 min.

VENDREDO
18.05. — *Leipzig,* 259 m. — Dresden. — Par : Prof. Dr. Dietterle. — 15 min. — Ĉiun 2an vendredon,
20.00. — *Tallinn-Reval,* 296 m. — Tartu-Dorpat. —N pri Estonio kaj Esp. movado. — 10 min.
20.20 — *Genève,* 760 m.—K.: Nov. — Par. P. Bouvier.

SABATO

18.20. — *Breslau*, 253 m. — Gleiwitz, 325 m. — Par :

18.45. — *Frankfurt*, 390 m. — Kassel. — Par : W. Wischhoff. — K. — 30 min.

19.15. — *Kőnigsberg*, 276 m. — Danzig. — P. — 5 min.

21.15. — *Bruxelles*, 509 m. — P. — 5 min.

---

*La Esperanto-Radio Programo*, nun estas regule publikigata en jenaj Radio-Jurnaloj : World Radio : Anglujo ; V. A. R. A. : Nederlando ; Funk : Germanujo ; Arbeiterfunk : Germanujo ; Der Deutsche Rundfunk der Tschechoslowakei ; Radio : Polujo.

Ĉiuj surprenomitaj ĵurnaloj publikigas la Esperanto-dissendojn ĉiusemajne. Pro tio estas eble, envicigi ankaŭ unuopajn dissendojn kaj ŝanĝojn en la sendtempo. La Radio-amikoj en la koncernaj landoj estas petataj aboni unuavice ĉi tiujn radioĵurnalojn kaj prizorgi, ke la redakcioj daŭrigu la publikigon de la esp. programoj. Samideanoj, kiuj volas prizorgi la publikigon de la Esp. Dissendoj en aliaj ĵurnaloj bonvolu sin turni al la redaktoro de tiu ĉi rubriko.

# Al la esperantistaro tutmonda

**Antaŭen ĝis la venko !**

Antaŭ unu jaro, dank'al la afableco de la redakcioj de « Heroldo », « Esperanto » kaj de aliaj naciaj esperanto-organoj, mi povis publikigi Alvokon al la Esperantistaro, kun peto, ke ĝi flankenĵetu ĉiujn disputojn pri bagatelaj aferoj kaj laboradu en tuta harmonio kaj konkordo por antaŭenpuŝadi nian sanktan aferon.

Kun sincera ĝojo kaj dankemeco mi povas konstati hodiaŭ, ke tiu alvoko ricevis bonkoran akcepton. Leterojn mi ricevis el multaj landoj, de konatuloj kaj de nekonatoj, promesantaj subtenon de miaj klopodoj. Tiuj promesoj estas ĉie plenumitaj. Lastan jaron, en Antverpeno, atmosfero de malcerteco kaj suspekto regis super la kongreso, sed en Budapesto ekzistis nur la plej varma kaj sincera amikeco kaj frateco. La spirito de Zamenhof estis inter ni kaj benis niajn laborojn.

La ĵus okazinta universala kongreso en Budapesto, samkiel la Antaŭ-Kongreso en Vieno, estis veraj triumfoj, kiuj donos — ne nur al la partoprenintoj, sed ankaŭ al ĉiuj samideanoj — novan kuraĝon kaj pli grandan entuziasmon. Al ĉiuj, kiuj tiel longatempe, pacience kaj lerte, laboradis por efektivigi tiujn sukcesojn, mi deziras ankoraŭfoje esprimi en la nomo de la tuta Esperantistaro, nian plej profundan dankon. Ili meritas nian laŭdon kaj kun ĝojo mi al ili gratulas kaj dankas.

En la daŭro de la pasintaj dekdu monatoj, la bona ŝipo « Esperanto » veturis sur trankvilaj maroj, sed kvankam ĝi faris bonan progreson, ankoraŭ estas longa distanco inter ĝi kaj la sopirita haveno de niaj esperoj. La ŝipanoj nepre devas laboradi senĉese por gvidi ĝin laŭlonge de rokoj kaj sablaroj, devas provizi ĝin per la necesaĵoj por havigi la potencon veturi antaŭen senhalte. En unu vorto, ni devas havigi pli kaj pli da monrimedoj por plifortigi nian propagandan kason. Mi ne intencas peti de la samideanaro monon hodiaŭ. Mi nur deziras rememorigi ilin, ke nia afero dependas de tri faktoroj: laborado, pacienco kaj mono. Laborado sen pacienco ne daŭras longe. Laborado kaj pacienco sen financa helpo ne havigas grandiozajn rezultatojn.

Ne estas necese esti milionulo por fari financan helpon al nia afero. Eĉ la plej malriĉaj povas facile trovi metodon por antaŭenpuŝadi nian lingvon. Ni ĉiuj kredas, ke Esperanto estas unu el la plej grandaj benoj iam donacitaj de la Bona Dio al la homaro, pere de la genio de homo. Tial ni devas esti ĉiam pretaj fari oferojn por sukcesigi ĝin. Kiamaniere? Jen kelkaj sugestoj :

1. Ĉu vi jam fariĝis ano de via nacia asocio? Se ne, bonvolu pripensi la eblecon senprokraste, ĉar sen via aliĝo la propagando de Esperanto en via lando nepre suferos. Bona esperantisto estas tiu, kiu helpas laŭ ĉiuj povoj, ne nur tiu, kiu faras nur publikajn paroladojn. Ĉiu el ni kapablas helpi. Ne lasu la laboradon al la aliaj, sed partoprenu vi mem en la glorinda tasko, al kiu nia kara majstro dediĉis sian tutan vivon.

2. U.E.A. jam faris grandajn praktikajn servojn al nia movado, sed se vi tuj aliĝos al tiu asocio, kune kun mil aliaj samideanoj, U.E.A. gajnus pli grandan potencon kaj kapablus fari eĉ pli bonajn servojn ol antaŭe.

3. Se restas al vi ankoraŭ monrimedoj aŭ se via kas-stato tion permesas ĝenerale, helpu ankoraŭ al aliaj esperanto-entreprenoj kiel ekzemple al la subteninda semajna organo « Heroldo de Esperanto ». Pligrandigo de ĝi signifus plifortigon de nia diversflanka propagando.

4. Fine ne forgesu la esperanto-eldonejojn, kiuj faras grandajn oferojn por disvastigi bonan kaj utilan literaturon en Esperanto. Aĉetante seriozajn eldonaĵojn vi praktike helpas al la plenumo de la kultur-tasko de nia lingvo. Helpu al ni kaj ni, reciproke, faros ĉion laŭpove por helpi al vi. En Budapesto la I.C.K. esprimis sian pretecon helpi al la naciaj societoj rilate la plifortigon de ilia interna organizado. Tial, se en via lando ekzistas malfacilaĵoj sendu detalojn al ni kun peto — kompreneble oficiala — ke ni zorge ekzamenu la aferon kaj preparu taŭgajn rimedojn el nia pli granda spertado.

Plia afero pri kiu I.C.K. deziras helpi al ĉiuj, estas organizi universalan demonstracion en ĉiuj regionoj de la mondo je la datreveno de l'naskiĝtago de nia majstro. Ĝis nun div. societoj agis laŭ sia propra ideo, sed sen ia komuna celo. Ni devas uzi la okazon por grandioza reklamado pere de la ĵurnaloj, la preĝejoj, la radio kaj de la propraj kunvenoj. Multaj el vi eble havas bonegajn sugestojn pri tiu ĉi afero. Sendu ilin al I.C.K. (Adreso: Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, 1, Tour de l'Ile, Genève), por ke ni povu elekti la plej bonajn kaj poste transsendu ilin al la div. societoj pere de nia gazetaro kaj niaj cirkuleroj.

Mi deziras montri al vi ĉiuj, ke la I.C.K. ne estas nur surpapera komitato, sed vere vivanta kaj kapable centra komitato de la tuta esperanto-movado, ĉiam preta helpi iamaniere al eĉ la plej malgranda kaj plej malproksima grupeto esperantista. Legu la raporton pri nia agado de la pasinta jaro en la kongresa libro de Budapesto aŭ en la oficiala dokumentaro pri Budapesto, aperonta post ne longe, kaj vi pli klare komprenos la grandecon kaj diversecon de nia laborado.

En Budapesto la I.C.K. havis la privilegion, en la nomo de la tuta esperantistaro prezenti honormedalon al kvar multe estimataj samideanoj kiel dankesprimon por la grandegaj servoj, kiujn ili, en la daŭro de multaj jaroj, faris por Esperanto. La personoj honorigitaj estis Generalo Sebert, Profesoro Cart, s-ro Warden kaj D-ro Privat. La unua jam de longe devis sin deteni de plua laboro pro sia aĝo kaj malsano, sed feliĉe la aliaj ankoraŭ restas ĉe la batalfronto. Mi salutas ilin kaj esperas, ke ili estos por vi, same kiel por mi mem, ekzemploj, kiuj helpos vin fari ĉion en via povo por nia amata kaj alta idealo.

Ni ĉiuj serĉas feliĉon. La plej facila maniero por ĝin atingi estas per servado al ĉiuj, ĉar tiu, kiu faras aliajn feliĉaj, ĉiam ricevas mem feliĉon. Do, laboradu por Esperanto kaj pere de Esperanto via vivo fariĝos riĉa kaj feliĉa.

John Merchant,
*Prezidanto de la I.C.K.*

## EL NATURO KAJ SCIENCOJ

# La batalo kontraŭ la reŭmatismo

*De D-ro med. Vögeli.*

De kelkaj jaroj la ofteco de reŭmatismo kreskis. Dume malsaniĝis pli frue je reŭmatismo preskaŭ senescepte pli aĝaj personoj kaj speciale tiuj, laborantaj eksterdome, kiel ekzemple kamparanoj, veturigistoj kaj maristoj, kaptas la malsanon hodiaŭ pli junaj personoj kaj ne plu limiĝas al certaj profesioj. La reŭmatismo ŝanĝis la karakteron kaj disvastiĝis konsiderinde. Senelekte ĝi atakas personojn junajn aŭ maljunajn kaj penetras en ĉiujn klasojn kaj profesiojn.

La kaŭzo de la plimultiĝinta apero de la malsano ne estas klare videbla. La moderna tekniko kaj la ŝanĝita vivmaniero ja kontribuis ĝis certa grado al tiu ĉi disvastigo. Speciale la uzo de la modernaj trafikrimedoj devigas multajn homojn, sin elmeti al trablova aero. Ankaŭ la sporto tre ofte havigas varmiĝon kun ŝvito kaj tuj sekvanta malvarmumiĝo. Sed la solan kaŭzon oni ne devas serĉi en tiuj cirkonstancoj, ĉar ankaŭ personoj kiuj partoprenas nek en unu nek en alia kazo, tamen malsaniĝas pli ofte je reŭmatismo ol estis la normo antaŭe. Estus ankaŭ eble, ke klimataj kondiĉoj influas la disvastigon. Kaj efkive oni observas la malsanon pli ofte en landoj kun malseka klimato kaj estas ekster ia dubo, ke la vetero havas grandan influon je ia nombro de la malsaniĝoj kaj la graveco de la kazoj.

Tria kaŭzo por la apero venas ankoraŭ de alia cirkonstanco. Oni spertis, ke multaj infektaj malsanoj estas submetataj al ŝanceliĝoj dum daŭro de jardekoj, rilate je la disvastiĝo kaj je la danĝero. Variolo, influenco (gripo) skarlateno kaj difterio subite aperas dum daŭro de jaroj kiel epidemioj teruriga]. Poste ŝanĝas la karaktero kaj okazas nur simplaj sendanĝeraj malsaniĝoj, ĝis denove venas ŝanĝo kaj la malsano ree montras sin timiga. Ja ĉiu rimarkis jam tiun fakton. Variolo kaj skarlateno mildiĝis en la lastaj jaroj. Sed aliaj malsanoj kreskas je danĝereco kaj disvastiĝo. Difterio ekzemple sekvas tiun kurbon laŭ konstatoj faritaj en pluraj landoj dum la lastaj jaroj. La kaŭzo de tiuj ŝanceliĝoj estas ĉe la ekscitantoj, kies vivopovo kaj biologiaj ecoj ŝanĝas dum sinsekvo de kelkaj jaroj. Pro tiuj ŝanceliĝoj transformiĝas samsence ankaŭ la malsanoj de ili kaŭzitaj. Versimile apartenas la reŭmatismo ankaŭ al la infektaj malsanoj kaj tiam klariĝus plej simple la kresko de la kazoj.

La minacanta pliiĝo de la reŭmatismo kaŭzis jam certan timon kaj oni provis serion da rimedoj por haltigi la malsanon. Eminentaj klinikistoj klopodegas klariĝi pri tiuj malsanoj, kies devenon oni ankoraŭ ne konas. Precizaj statistikoj pri la malsano kaj ĝiaj aperaĵoj ekzistas en Britujo, Germanujo, Danujo kaj Nederlando. La ciferoj transpasis ĉiujn eĉ altajn taksojn. Evidentiĝis ke inter la membraro de la malsanulkasoj unu kvarono venas al kuracisto pro reŭmatismo. Ĉirkaŭ 14 % de la invalidoj suferas pro tio. Laŭ tiuj konstatoj la domaĝoj kaŭzitaj per ĝi ja estus pli grandaj ol tiuj pro la tuberkulozo. Post apero de tiu statistiko, la britaj kuracistoj komencis agadi. La « *International Society of Medical Hydrology* » en London instigis la fondon de internacia komitato por la esploro de l' reŭmatismo kaj ĝia kontraŭbatalo. Tiu ĉi komitato devos entrepreni la batalon kontraŭ la reŭmatismo laŭ unuecaj metodoj en ĉiuj landoj. La klopodoj de la brita kuracistaro havis sukceson kaj en 1926 fondiĝis en banloko Pieŝtany tiu ĉi komitato kaj per ĝi la fundamento por sukcesplena batalo kontraŭ tiu ĉi malsano. Antaŭ nelonge fondiĝis societo por sama celo en Germanujo, kies tasko estas efektivigi la principojn rekonitajn por kontraŭbatalo de la reŭmatismo, priatentante la regionajn kaj lokajn cirkonstancojn.

Kia estas la celo de la societoj por la batalo kontraŭ la reŭmatismo? La kuracado de l' reŭmatismo estas delikata, komplika kaj ofte multekosta afero. La malsano estas kronika kaj daŭras jarojn, eĉ jardekojn. Se oni volas protekti pacienton de pli malfrua invalideco, oni daŭre devas lin trakti kaj ĉe ĉiu rekomenciĝo ankaŭ rekomenci la kuracadon. Kiam reŭmomalsanulo fartas pli bone, li ne plu sekvas la kuracadon kaj perdas la energion por daŭrigi ĝin. Sed la reŭmatismo nur povas esti forigata per konstanta dum jarojn daŭranta traktado kaj severa observo de la kuracistaj ordonoj. La malsano reagas kiel tuberkulozo, kiu ankaŭ necesigas longan traktadon kaj daŭran observadon poste, se la malsanulo vere volas esti senigata je sia suferado.

La celoj de la societoj por la kontraŭbatalo de l' reŭmatismo estas analogaj al tiuj, kiuj laboras kontraŭ la tuberkulozo. Necesas informi reŭmatismulon pri la malsano kaj pri la sinsekvo de la kronika reŭmatismo. Due necesas trovi la rimedojn por faciligi al malriĉuloj la kuracadon. Plia tasko estas la esplorado de la malsano, la provo de novaj rimedoj kiujn oni trovas kontraŭ ĝi. Fine tiuj societoj devas agi informe al asekuraj societoj, kiuj rifuzas konsenti al reŭmomalsanuloj la uzon de modernaj kuracaj metodoj. Necesas konvinki decidpovajn estrarojn ke por paciento kaj asekuro valoras, energie kontraŭbatali la komencojn de la reŭmatismo kaj ke atendo kaj prokrasto estas danĝeraj. Kaj fine necesas agi kontraŭ la fuŝkuracistoj aŭ ĉarlatanoj, kiuj precipe en tiu ĉi fako abundas kaj kaŭzas domaĝon nemezureblan. Ankoraŭ nun, miloj da personoj demandas helpon de tiaj ĉarlatanoj, komplete ignorantaj ke kuracisto per modernaj metodoj povas efike agi kaj sanigi. Ja ne ekzistas miraklaj rimedoj kontraŭ la reŭmatismo, same kiel tiaj ne ekzistas kontraŭ aliaj malsanoj.

Kontraŭ reŭmatismo mankas la unueco de la traktado kaj ankaŭ la informado. Centoj da sekretaj drogoj estas ankoraŭ uzataj kaj uzante tiujn rimedojn perdiĝas valora tempo. Pro nesufiĉa scio multaj malsanuloj komence ne konsideras la reŭmatismon serioze ĝis kiam estas tro malfruo por efika kuracado. La malsano regas en ĉiuj eŭropaj landoj kaj la batalo devas esti komencata ĉie.

*Tradukis G. Agricola.*

**Instruistoj**

Subtenu la propagandon inter la Instruistaro per via aliĝo al Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE) Kresko dum tri jaroj : De 300 al 800 membroj. Gazeto : Internacia Pedagogia Revuo. Redaktoro: D-ro Kurt Riedel, docento de la Pedagogia Instituto Dresden. Membro-Abono 3 Germ.Mark.

**Administrejo : KARL KRÖBER, Weststr. 4 Riesa a.d. Elbe, Germanio**

## NOTOJ

*La nova kalendaro en U.S.S.R.* — Analoge al la Franca Revolucio la kondukantoj de la Soveta Unio ŝanĝis la kalendaron kaj dekretis ke la semajno estu kvintaga (73 semajnoj jare). Komence estis deciditaj la jenaj nomoj por la tagoj : Marks, Lenin, Komintern, Industrializacia, Kommuna. Sekve de protestoj oni akceptis la jenajn nomojn : Svezda (Stelo), Serp (Falĉilo), Molot (Martelo), Snop (Garbo), kaj Solnce (Suno). — Laŭ « Poslednija Izvestija ».

*Tunelo sub la markolo de Gibraltaro.* — En prahistoria epoko, Hispanujo kaj Norda Afriko estis ligitaj per mallarĝa terkolo, Ekzistas nun plano restarigi tiun praan landvojon, per kreo de submara tunelo, analoge al la ideo fari tian inter Francujo kaj Anglujo. Tiu ĉi tunelo kun fervoja linio interligus Afrikon rekte kun Eŭropo kaj kun fervojlinioj eŭropaj. Por Hispanujo la efektivigo de tiu ĉi plano ja estus de alta valoro pro ĝiaj posedaĵoj en Norda Afriko. Dum kongreso scienca en Cadiz 1927, hispana kolonelo Pedro Jevenois konigis planon de la konstruo kaj trovis ĝeneralan aprobon. Intertempe la hispana registaro jam donis la necesajn kreditojn por la esploro de la tereno. Je la 5a de Oktobro komencis la terborado proksime de la loko Tarifa apud la marbordo. La ŝakto por la esploro de la tereno atingos 800 metrojn da profundeco kaj simila ŝakto estos borata ĉe la Nordafrika flanko.

*Sukceno en Kanado.* — La nekonata parto de Kanado donas trezorojn ĝis nun ne imagitajn. Tiu ĉi lando estas tiom riĉa ke nur post jardekoj oni ekspluatos jam de longe konatajn mineralkampojn. Antaŭ kvindek jaroj oni trovis apud la Cedar-Lago en la ŝtato Manitoba la verŝajne plej riĉan kampon de sukceno. Ĝi restis neekspluatita ĉar tio ŝajnis al la registaro tro maloportuna, komplika kaj senrentuma, transportigi la necesajn maŝinojn pli ol 1500 km sen fervojo. Tiel nur la indianoj apud Cedar-Lago uzis tiun sukcenon por fabriki la primitivajn ornamaĵojn. Nuntempe du fervojlinioj, la Hudson-Bajo Fervojo kaj la Winnipeg linio de la ŝtata fervojaro preterpasas apenaŭ 50 km de la trovejoj de sukceno. Fine la registaro decidis ekspluati tiujn kampojn, kiuj krom la riĉeco de la etaj ŝtonoj promesas surprizojn, ĉar oni trovis jam ŝtonojn grandaj kiel ovo de kantbirdo. Ĉe la strando de la Cedar-Lago estas parto, kie 10 % de l'sablo estas plena je sukceno. La koloro de la sukceno varias de pale flava ĝis forte bruna.

*La Moskva Centra Eldonejo.* — Tiu ĉi ŝtata instituto fondiĝis antaŭ kvin jaroj. Ĝi speciale okupiĝis pri la eldono de libroj por la naciaj malplimultoj. Ĝis nun ĝi eldonis 2752 librojn kaj broŝurojn en 55 lingvoj de popoloj, kiuj tute ne havis ion presitan kiel ekzemple la kirgizoj, kabardinoj, ĉerkesoj, ĉeĉencoj kaj aliaj. Per tio tiuj popoloj povis komenci la propran literaturon. Legolibroj okupas ĉefan lokon en tiuj eldonaĵoj, apud la komunista varba literaturo. Beletristika literaturo ankoraŭ estas tre modeste reprezentata.

*Ĉu Radiumo plimalkariĝos ?* — Radiumo ĉiam ankoraŭ estas la plej multekosta materio, parte pro la malofteco kaj parte pro ĝia nemezurebla valoro por la sanigado de centmiloj da malsanuloj. Rimarkinde estas ke ne ekzistas larĝe kalkulita eĉ unu funto de tiu valorega materio. La plej grandan provizon de radiumo liveris Usono, nome 160 gramojn. Ĉeĥoslovakio sekvas kun 25, kaj Portugalo kun 10 gramoj. Nuntempe la belgoj povis komenci ekspluaton de kuŝoj, tiel ke ili havos preskaŭ la monopolon. Tiu ĉi monopoligo kvazaŭ instigis la aliajn kaj verŝajne estos, ke la radiumo fariĝos malpli multekosta, ĉar amerikanoj decidiĝis eltrovi novajn kuŝojn per apliko de ĉiuj modernaj helpiloj. Intencite estas komenci la serĉadon en Afriko kaj Aŭstralio, se ne sukcesos en Kolorado. Sendepende de tiu provo estas alia ideo por igi pli malkara tiun materion. Laŭ angla instigo devus esti kreota centro, apud la Ligo de Nacioj, por internaciigi la akiron de l'radiumo. Ĝi ankaŭ devus havi la taskon reguligi la koston de l'radiumo kaj malaltigi ĝin laŭpove.

*Ŝanĝo de lokonomoj en Italio.* — La faŝista registaro tre inklinas alligi la reĝimon al la gloro de l'imperia Romo. Pro tio ankaŭ la emo ŝanĝi nomojn de historie famaj lokoj, kies nuna formo ofte ne rekoniĝas plu. Oni memoras la nomon Girgenti en Sicilio, greka fondaĵo Akragas kaj latine Agrigentum. La nuna oficiala nomo estas *Agrigento.* Ankaŭ la « Umbiliko de Sicilio » la centro de l'Demetra kulto, *Enna* reprenis sian nomon kiun ĝi ŝanĝis foje kontraŭ Castrogiovanni. Mezepoka San Donnino ree estas *Fidenza.* Ankaŭ Piperno, la limurbo inter Latiumo kaj Kampanio ree nomiĝas Priverno. La serio de la rebaptoj ankoraŭ ne finas per tio. Aliflanke du lokoj prenis novan nomon, tiun de rivero trafluanta. Estas Imperia kaj la du lokoj nomiĝis Porto Maurizio kaj Oneglia. La rivero estas Imperia, kio sekve ne havas rilaton al Imperio aŭ imperialismo. En la Abrucoj, urbo Aterno fariĝis el la du lokoj Castellamare Adriatico kaj Pescara.

MONUMENTA LIBRO LA TREZORO ZAMENHOFA

**L. L. ZAMENHOF : ORIGINALA VERKARO**

ANTAŬPAROLO — GAZETARTIKOLOJ — TRAKTAĴOJ — PAROLADOJ — LETEROJ — POEMOJ

Kolektitaj kaj ordigitaj de D-RO JOH. DIETTERLE 1929. 605 paĝoj. Kun 6 faksimilaĵoj kaj portreto de L. L. Zamenhof

Tuttola luksa bindaĵo. Prezo : Rm 15. — Svis fr. 18.75. MENDU ĈE VIA LIBRISTO aŭ per la Libro-servo de U.E.A.

# LITERATURO

## Angla humoristo : J.K. JEROME

*(Tradukoj de Edm. Prival kun afabla dediĉo al Sro Hans Jakob.)*

Antaŭ kelka tempo Anglujo perdis sian plej simpatian humoriston Jerome K. Jerome (nask. 1859). Kiel nia propra esperanta verkisto Baghy, Jerome estis aktoro antaŭ ol li fariĝis aŭtoro. Tio klarigas la viglecon de liaj dialogoj kaj ĝenerale la rimarkindan vivecon en ĉio lia. Karakterizas lin profunda bonkoro kaj preskaŭ virina delikateco en la maniero elvoki sentojn aŭ pripensojn per apenaŭ rimarkeblaj aludoj aŭ tuŝetoj de la plumo. Ni donas ĉi-sube du tradukaĵetojn el lia verko « They and I » (Ili kaj mi).

---

## Ŝrankoj en nova loĝejo

Aĉetante novan domon aŭ serĉante alian loĝejon, ne forgesu pri ŝrankoj. Ilin postulos la edzino.

Ja ne klarigebla estas tiu ĝenerala pasio de virino pri ŝrankoj. En ĉielo certe ŝia unua demando estas ĉiam : « Ĉu mi povas ricevi ŝrankon ? » La edzon kaj infanojn ŝi konservus en ŝrankoj, se oni lasus ŝin. Tio estus ŝia ideo pri la perfekta hejmo : ĉiu zorge enpakita kun peco de kamforo en sia aŭ ŝia propra ŝranko.

Mi konis iam virinon, kiu estis feliĉa, kiom virino sciipovas. Ŝi loĝis en domo kun dudek naŭ ŝrankoj : ĝi estis, laŭ mia supozo, konstruita de virino. Multaj estis vastaj ŝrankoj, inter ili pluraj kun pordo neniel malsimila je ceteraj pordoj en la domo.

Gastoj ekzemple deziris bonan nokton al si reciproke kaj malaperis kun siaj kandeloj en ŝrankojn, tuj poste elpaŝante reen duonfale kaj timigite.

Unu malfeliĉa sinjoro, tiel rakontis al mi la edzo de tiu domestrino, revenis malsupren por serĉi ion forgesitan : neeble trovi aliajn pordojn ol ŝrankoj, ŝrankoj, ŝrankoj. Fine li perdis kuraĝon kaj pasigis la nokton en ŝranko.

Por matenmanĝo la gastoj rapidis malsupren kaj malfermis kun ĝoja « bonan tagon ! »... ŝrankpordojn .

Kiam la sinjorino estis for, neniu en la tuta domo sciis kie troviĝas io ajn, kaj kiam ŝi revenis, ŝi mem sciis nur, kie ĝi devus esti. Tamen foje, kiam unu el tiuj dudek naŭ ŝrankoj devis esti malplenigita por riparo, ŝi neniam ridetis dum pli of tri semajnoj, tiel rakontis la edzo, ĝis kiam la laboristoj estis fine for kaj la ŝranko en ordo denove. Ŝi diris ke estas tiel konfuzige ne havi kien meti ŝiajn aĵojn.

La meztipa virino ne deziras domon en la ordinara senco de la vorto. Kion ŝi volas, tio estas geniaĵo. Vi trovis, laŭ via opinio, la idealan loĝejon. Vi montras al ŝi la mirindan fajrejon en la salono. Vi frapas per ombrelo la belan lignan kovraĵon de la muroj en antaŭĉambro : « El kverko », vi impresas al ŝi, « tute el kverko ». Vi atentigas ŝin pri la vidaĵo, vi informas ŝin pri la loka legendo. Fiksante la kapon kontraŭ la fenestro ŝi povas vidi la arbon, je kiu la viro estis pendigita. Vi insistas pri la sunhorloĝo. Vi mencias la fajrejon eĉ duan fojon. « Estas ĉio tre ĉarma », ŝi respondas, « sed kie dormos la infanoj ? ».

Estas tiel malkuraĝige !

Se ne temas pri la infanoj, tiam pri akvo. Ŝi volas akvon — deziras ekscii de kie ĝi venas. Vi montras al ŝi el kio ĝi venas.

« Kion ? el tiu malpura loko ! » ŝi ekkrias.

Egale malkontenta ŝi estas ĉu la akvon oni ĉerpas el puto, ĉu ĝi falis el ĉielo kaj estas konservita en akvejo. Ŝi ne fidas je akvo de l' Naturo. Virino neniam kredas, ke akvo povas esti bona, se ĝi ne venas rekte el akvodisdonilo. Ŝia ideo ŝajnas esti ke la Kompanio faras ĝin freŝa ĉiumatene laŭ malnova familia recepto.

Se vi sukcesas ŝin reamikigi kun la akvo, tiam ŝi fariĝas certa ke la kamenoj fumas : ili ŝajnas fumemaj. Dume — kiel vi diras al ŝi — la kamenoj estas la plej bona parto de la domo. Vi kondukas ŝin eksteren kaj igas ŝin ilin rigardi : ili estas aŭtentikaj XVI centjaraj kamenoj kun sura skulptaĵo. Ili ne povas fumi. Ili ne farus ion tiel ne-artistan. Ŝi diras, ke ŝi nur esperas ke vi estas prava kaj proponas kapuĉojn, se ili tamen fumas.

Poste ŝi volas vidi la kuirejon — kie estas la kuirejo ? Vi ne scias. Vi eĉ ne zorgis pri tio. Devas ekzisti kuirejo, kompreneble. Vi ekserĉas la kuirejon. Kiam vi ĝin trovis, ŝi plendas ke ĝi kuŝas je la alia ekstremaĵo de la domo, ol la manĝoĉambro. Vi rimarkigas al ŝi la avantaĝon sidi malproksime de la odoroj el kuirado.

Tiam ŝi fariĝas persone sentema : ĉu vi ja ne plendas ĉiufoje, kiam la tagmanĝo estas malvarma ? En sia kolero ŝi kulpigas la tutan viran sekson pri malpraktikeco. La nura vido de malplena domo igas virinon malkvietá.

Kompreneble la forno ne taŭgas. Vi promesas, ke ŝi ricevos novan. Ses monatojn poste ŝi volos denove la malnovan : sed estus kruele tion diri al ŝi. La promeso pri la nova forno ŝin konsolas. La virino neniam perdas esperon ke unu tagon venos ĝi : la ĉiom-kontentiga kuirforno, la forno de ŝiaj knabinaj revoj.

Solvinte la fornan demandon, vi eble imagas ke vi silentigis ĉian konstraŭstaron. Tuj ŝi komencas paroli pri aferoj, kiujn povas diskuti sen ruĝiĝo nur virino aŭ higiena inspektoro.

Necesas takto por enloĝigi virinon en novan domon. Ŝi estas nervema, suspektema.

---

## Rimedo por forigi edzan koleron

Mi konas virinon saĝan kaj bonkoran : Kiam ŝi ekvidas ke la koleremo de la edzo ekjukas al li, ŝi penas por helpi lin malŝarĝi sin sendolore. Por ĉesigi lian suferon ŝi ekzemple traserĉas la tutan domon por retrovi ĵurnalon de lasta monato kaj, gladinte tute glata, metas ĝin varman kaj bele falditan sur lian matenmanĝan pleton.

Efikas. Dek minutojn poste, el alia flanko de la malfaldita gazeto li jam ekkrias :

« Pri unu punkto almenaŭ ni estu dankaj ĉiukaze... ke ni ne loĝas en Diĉlej-en-Marĉo ! »

« Sonas kvazaŭ malseka loko laŭnome » respondas la bona virino.

« Malseka ! » li blekas, « Kiu plendas pri iom da malseko ? Saniga por vi. Igas nin Anglojn tiaj, kiaj ni fieras. Sed esti mortigata en sia lito preskaŭ ĉiusemajne, jen kio ne plaĉus al mi ! »

« Ĉu oni faras tion ofte en tiu loko ? » demandas la ĝentila virino.

Ŝajnas esti la ĉefa industrio tie. Ĉu vi eĉ ne memoras pri tiu maljuna fraŭlino mortigita de sia ĝardenisto kaj enterigita en la kokinejo ? Vi, virinoj, neniel interesiĝas pri publikaj aferoj. »

« Mi ja rememoras iom pri ĝi, nun kiam vi mencias la

aferon, » konfesas la bona virino. « Ĉiam tiel senkulpa homa tipo ŝajnas ĝardenisto ! »

« Ŝajnas ekzisti speciala bred'raso da ili en Diĉlej-en-Marĉo », li respondas. « Tie denove, lastan lundon », li daŭrigas, legante kun kreskanta intereso. « Preskaŭ la sama okazintaĵo — eĉ samspeca tranĉilo por frukt-arboj... Jes... Vetu... enterigis ŝin en la birdkorton. Tio estas plej eksterordinara vere ! »

« Devas esti la imita instinkto », sugestias la bona virino.

« Kiel vi, kara, tiel ofte mem diris, unu krimo kaŭzas alian. »

« Jes, mi ĉiam diris tion, » li konsentas ; « Ĝi estis ĉiam teorio mia. »

Li faldas paĝon de la ĵurnalo. « Malspritaj teduloj tiuj politikistoj ! » li diras. « Jen la Duko de Devonŝir, farante paroladon hieraŭ en Hackney, komence rakontas amuzan anekdoton pri papago, ĵus aŭditan, li asertas. Nu! estas la sama rakonto, kiun iu jam rakontis antaŭ unu monato ! Mi memoras ke mi legis ĝin. Jes — honorparole — vorto laŭ vorto, mi povus ĵuri ! Tio montras al vi kiaspecaj homoj sidas en nia registaro ! »

« Vi ja ne povas postuli, karulo, ke ĉiu posedu tiel varian anekdotaron kiel vi ! « rimarkas la bona virino.

« Ĉiuokaze li ne bezonis certigi, ke li ĵus aŭdis ĝin hieraŭ posttagmeze », respondas la bona viro.

Li eklegas alian kolonon en la gazeto. « Nu, per diablo ! Ĉu mi freneziĝis ? » Li alsaltas la plej aĝan filon. « Kiam okazis la Oksford-kaj-Kembridĝa boatkurado ? » li furioze demandas.

« La Oksford-kaj-Kembridĝa boatkurado ? » ripetas la surprizita junulo. Nu, ĝi estas jam pasinta. Vi nin kondukis ĉiujn por ĝin rigardi lastan monaton. Tiun sabaton antaŭ...!»

La plian interparolon la patro faras mem dum la postaj dek minutoj tute senhelpe. Fine li fariĝas laca, eble iom raŭka. Sed lia tuta kolero eliĝis. Li nur ĉagrenas ke li ne enhavis sufiĉe da ĝi. Li estus povinta uzi eĉ iom pli.

---

# La maljuna sonorigisto

## (Printempa idilio)

VLADIMIR KOROLENKO

(Vladimir Galaktionoviĉ Korolenko, 1853-1921, rusa novelisto. Verkis «Skizojn de siberia turisto » « La Sonĝo de Makaro » « La blinda muzikanto », aŭtobiografion « Historio de mia samtempulo » kaj multajn aliajn novelojn.)

Mallumiĝis.

La malgranda vilaĝo, rifuĝinta apud malproksima rivereto, en arbarego, estis dronanta en mallumo. Estis tiu aparta mallumo, kiu plenigas la printempajn, stelplenajn noktojn, kiam nebulo, leviĝante de l'tero, plidensigas la ombrojn arbarajn kaj supervolvas la malkovritajn spacojn per fumeto arĝentumite-blua... Ĉio estas mallaŭta, enpensa, malĝoja.

Dormetas trankvile la vilaĝo.

La malriĉaj dometoj apenaŭ distingiĝas per siaj mallumaj konturoj. Tie ĉi kaj tie brilas fajretoj ; de tempo al tempo ekkrakas pordego, ekbojas vigla hundo kaj reeksilentas. El la malluma amaso de l'arbaro mallaŭte bruanta eliĝas figuroj de piedirantoj, trapasas iu rajdanto, trakrakas ĉaro. Estas loĝantoj de izolaj arbaraj domaretoj, kiuj kunvenas en sian preĝejon por renkonti la printempan feston.

La preĝejo staras sur malgranda monteto, ĝuste meze de l'aglomeriĝo. Ĝiaj fenestroj brilas per fajroj. La sonorilturo — malnova, alta, malhela, — dronas per la pinto en la bluo.

Kraketas la ŝtuparo... La maljuna sonorigisto Miĥeiĉ estas supreniranta la turon. Baldaŭ lia lanterneto ekpendos en la spaco kvazaŭ en la aeron superfluginta stelo.

Penige la maljunulo supreniras la krutan ŝtuparon. Ne bone jam servas la maljunaj kruroj, li mem estas eluzita, malbone vidas la okuloj... Estas jam tempo, ke la maljunulo foriru por eterna ripozo, sed Dio ne sendas al li la morton. Li ja enterigis filojn, enterigis nepojn ; maljunajn kaj junajn li akompanis ĝis ilia lasta loĝejo, sed li mem ankoraŭ vivas. Penige !... Jam multajn fojojn li renkontadis la printempan feston. Li eĉ perdis la kalkulon de tio, kiom da fojoj li estis atendanta la difinitan horon sur tiu ĉi sama turo. Kaj jen Dio denove permesis...

La maljunulo alproksimiĝis la aperturon de l'sonorilturo kaj kubutapogiĝis sur la balustradon. Malsupre, ĉirkaŭ la preĝejo, malprecize videbliĝis en la mallumo la tomboj de l'vilaĝa tombejo ; la malnovaj krucoj kvazaŭ defendis ilin per siaj etenditaj brakoj. Tie ĉi kaj tie klinis sur ili betuloj ankoraŭ senfoliaj... De tie, de malsupre, alportiĝadis al Miĥeiĉ la bonodoro de junaj burĝonoj kaj ventumadis per malĝoja kvieto de eterna dormado...

Kio do estos fariĝinta al li post unu jaro ? Ĉu la estontan printempan feston li ankaŭ supreniros tien ĉi, sur la altajon, sub la kupran sonorilon ? Ĉu li tiam ankaŭ ekvekos per brua ekbato la malprofunde dormetantan nokton, aŭ li kuŝos... jen tie, en malluma angulo de l'tombejo, sub kruco ? Dio scias... Li estas preta. Dume Dio ankoraŭ unu fojon permesis al li renkonti la feston. « Gloro al la Sinjoro! » — murmuras la maljunulaj lipoj la kutiman formulon. Miĥeiĉ rigardas supren, kie la ĉielo, stelplena, kvazaŭ brulas per milionoj da fajroj, kaj li krucsigniĝas...

---

— Miĥeiĉ, he, Miĥeiĉ ! — vokas lin de malsupre tremanta voĉo de alia maljunulo. La multjaraĝa preĝeja pedelo suprenrigardas la sonorilturon. Li eĉ almetas manpladon al siaj palpebrumadantaj kaj larmetantaj okuloj, sed Miĥeiĉ' on li tamen ne vidas.

— Kio ? Jen mi estas ! — respondas la sonorigisto, kliniĝante iom ekster la turo. — Ĉu vi ne vidas ?

— Ne, mi ne vidas... Ĉu ne estas jam tempo por eksonorigi ? Kion vi opinias ?

Ambaŭ ili rigardas la stelojn. Miloj da Diaj fajroj kvazaŭ faras signojn al ili de l'alto. La « Flama Ĉaro » jam alten estas leviĝinta... Miĥeiĉ konsideras iom.

— Ne ankoraŭ, atendu iomete... Mi ja scias...

---

Jes, li scias. Li ne bezonas horloĝon : la Diaj steloj diros ja al li, kiam estos tempo... La tero kaj la ĉielo, kaj la blanka nubo, trankvile naĝanta en la bluo ; la malluma arbarego neklare murmuranta malsupre, kaj la plaŭdado de l'rivereto nevidebla en la mallumego, — ĉio tio estas konata al li ; ĉio tio estas al li parenca... Ne vane tuta lia vivo tie ĉi estas travivita...

Reviviĝas antaŭ li la malproksima pasinto... Li rememoriĝas, kiel li supreniris la unuan fojon tiun ĉi sonorilturon... Sinjor' Dio, kiel antaŭ longe tio okazis, kaj... kiel antaŭ nelonge ! Li sin revidas kiel blondan knabeton ; liaj okuloj ekflamas ; la vento, — ne tiu, kiu sublevas la stratan polvon, sed ia aparta, alte super la tero svinganta siajn senbruajn flugilojn, — flirtigas liajn haretojn... Malsupre, tre, tre malproksime, iradas iuj hometoj ; etaj estas ankaŭ la domaĉoj de l'vilaĝo. La arbaro estas demoviĝinta en la malproksimon, kaj la ronda ebenaĵo, sur kiu staras la aglomeriĝo, ŝajnas tiel granda, preskaŭ senlima.

— Kaj jen ĝi estas, tuta ĝi estas ja tie ĉi ! ridetis la griza maljunulo, rigardante la malgrandan kampon.

Same kiel la vivo. En junaĝo oni ne vidas ĝian finon nek randon... Tamen jen ĝi estas tuta, kiel sur manplato, de

l'komenco ĝis jena tombeto, kiun li ame elektis por si en angulo de l'tombejo... Nu, gloro al la Sinjoro! — tempo estas, ke li foriru... Honeste li estas pasinta la penigan vojon, kaj la malseka tero estas ja patrino komuna... Baldaŭ, jam baldaŭ!

Tamen, estas tempo. Reekrigardinte la stelojn, Miĥeiĉ leviĝis, deprenis la ĉapon, krucsignis sin kaj komencis alelekti la ŝnurojn de l'sonoriloj... Post minuto la nokta aero ektremis pro bruega ekbato... Dua, tria, kvara... unu post la alia ekfluis potencaj, etendeblaj, sonoraj kaj kantantaj tonoj, plenigante la malprofunde dormantan, antaŭfestan nokton...

---

Eksilentis la sonorado. En la preĝejo komenciĝis diservo. En la antaŭaj jaroj Miĥeiĉ kutime malsupreniradis la ŝtuparon kaj stariĝadis en angulo, apud la pordo, por preĝi kaj aŭskulti la kantadon. Sed nun li restis sur sia altaĵo. Penigas al li. Li sentas ian laciĝon. Li sidiĝas sur la benkon, kaj, aŭskultante la silentiĝantan bruon de l'disbalanciĝinta kupro, li profunde enpensiĝas. Pri kio? — li mem verŝajne ne povus respondi al tiu ĉi demando.

Lia lanterno malforte lumigas la sonorilaltaĵon. La surde bruegantaj sonoriloj dronas en la mallumo; de malsupre, el la preĝejo, de tempo al tempo alportiĝadas fragmentoj de kanto; la nokta vento movetigas la ŝnurojn, alligitajn al la sonorilaj koroj...

La maljunulo klinis sur la bruston sian grizan kapon, en kiu amase flugadis imagoj seninterligaj. Lia penso ekrilatiĝas al la kanto ĵus aŭdebla, kaj li ankaŭ ekvidas sin mem en la preĝejo. Sur la ĥorejo dekoj da infanaj voĉoj resonegadas; la maljunega pastro, la mortinta patro Naum, elparolas la servon per tremanta voĉo; centoj da vilaĝanaj kapoj kliniĝas kaj releviĝas kiel maturaj spikoj laŭ la vento... La kampuloj krucsigniĝadas... Ĉiuj vizaĝoj konataj de li, vizaĝoj nur de mortintoj... Jen la severa vizaĝo de lia patro; flanke de li, jen la pli maljuna frato energie krucsigniĝadas kaj sopiradas. Jen li mem, floranta je sano kaj forto, plena de senkonscia espero por feliĉo, por la ĝojoj de l'vivo... Kie ĝi estas, tiu ĉi feliĉo? La maljunula penso ekflamas, kiel fajro estingiĝanta, glitante per hela, rapida radio, kiu lumigas ĉiujn anguletojn de l'vivo travivita... Superforta laborado, malĝojo, zorgoj... Kie ĝi estas, tiu feliĉo? Malfacila sorto sulkigos la junan vizaĝon, klinigos la fortegan dorson, lernigos sopiradi, same kiel ĝi estas lerniginta la pli maljunan fraton...

Sed jen, maldekstre, inter la vilaĝaninoj, humile klininte la kapon, staras lia juna edzino. Bonulino ŝi estis, gloro al ŝi en la ĉielo! Kaj ne malmulte ŝi trasuferis, la kompatindulino... La mizero kaj la laborado kaj la senelira malĝojo de kampulino elsekos la belan virinon; malklariĝos la okuloj; la esprimo de eterna malakra timo antaŭ la neatenditaj frapoj de l'vivo anstataŭos la grandecan belecon de l'juna edzino... Jes, kie estas la feliĉo?... Unu sola filo restis al ili, ilia espero kaj ĝojo, kaj lin venkis la homa maljusteco...

Kaj jen staras ankaŭ li, la riĉa malamiko. Penadante pardonigi al si sangajn orfajn larmojn, li genufleksadas kaj frapadas la plankon per la frunto. Rapidete li ĵetas sur sin kruscignon, genuiĝas kaj fruntefrapas la plankon... Kaj bolegas, ekflamegas la koro de Miĥeiĉ, kaj la malhelaj vizaĝoj de l'sanktfiguroj sur la muro severe rigardas la homan mizeron kaj la homan maljustecon...

Ĉio tio estas pasinta, ĉio tio estas tie, malantaŭe... Nun la tuta mondo por li estas tiu ĉi senluma altaĵo, kie la vento bruas en la mallumo, movetante la ŝnurojn de l'sonoriloj...

« Dio vin juĝu, Dio juĝu! » — murmuras la maljunulo. Kliniĝas la griza kapo, kaj larmoj mallaŭte defluas laŭ la maljunaj vangoj de l'sonorigisto...

---

— Miĥeiĉ, he, Miĥeiĉ! Kio do estas? Ĉu vi ekdormis? — oni krias al li de malsupre.

— Kio? — respondis la maljunulo, ekstariĝante. — Sinjoro! Ĉu mi vere estis endorminta? Neniam ankoraŭ okazis tia honto!...

Rapide, per mano alkutimiĝinta, Miĥeiĉ ekprenas la ŝnurojn. Malsupre, kiel formikaro, moviĝas amaso da vilaĝanoj; sanktstandardoj flirtas en la aero, briletante per oraja stofo... Jen la krucprocesio estas ĉirkaŭirinta la preĝejon, kaj al Miĥeiĉ alportiĝas la ĝoja krio: « Kristo reviviĝis el la mortintoj ».

Kiel ondo reagas tiu ĉi krio en la maljuna koro... Ŝajnas al Miĥeiĉ, ke la fajretoj de l'vakskandeloj pli klare ekflamas en la mallumo; ke pli forte ekondiĝas la homamaso kaj ekflirtas la standardoj; ke la vento ekvekiginta ekkaptas la ondegojn de sonoj kaj per larĝaj svingoj forportas ilin alten, kunfandante ilin kun la laŭta, solena sonorado...

---

Neniam ankoraŭ tiel bone sonorigis la maljuna Miĥeiĉ. Ŝajnis, ke lia maljuna koro, troplena, estis penetrinta la mortan kupraĵon. La sonoj kvazaŭ kantis kaj tremis, ridis kaj ploris, kaj, kuniĝante en mirinda vico, forportiĝadis alten, alten, al la stelsemita ĉielo mem. Kaj la steloj estis ekflametiĝantaj pli hele, pligrandiĝantaj, dum la sonoj tremis kaj disversiĝis, kaj realfalis teren kun amkareso.

Laŭte ekkriadis la granda baso, ĵetante superpotencajn, fortegajn sonojn, plenigantajn ĉielon kaj teron: « Kristo reviviĝis! »

Kaj du tenoroj, ektremante pro la vicaj ekbatoj de l'feraj koroj, ĝoje kaj sonore al ĝi alkantadis: « Kristo reviviĝis! »

Dume du plej malgrandaj sopranoj, kvazaŭ rapidante por ne postresti, interplektiĝadis inter la grandajn kaj same, ĝoje, kiel infanetoj, penadante antaŭigi unu la alian, kantadis: « Kristo reviviĝis! »

Ŝajnis, ke la malnova sonorilturo ŝanceliĝas; ke la vento, kiu ĉirkaŭblovas la vizaĝon de l'sonorigisto, tremegas per potencaj flugiloj kaj ripetas: « Kristo reviviĝis! »

Kaj la maljuna koro forgesis pri sia vivo plena de zorgoj, de ofendoj suferitaj... Forgesis la maljuna sonorigisto, ke por li la vivo estis mallarĝiĝinta en la malgajan kaj malvastan sonorilaltaĵeton; ke sola li estas en la mondo, kiel ŝtipo, disbatita per la malbona vetero... Li aŭskultas tiujn ĉi sonojn, kantantajn kaj plorantajn, alten flugantajn al la ĉielo kaj alfalantajn al la kompatinda tero; kaj ŝajnas al li, ke li estas ĉirkaŭita de siaj filoj kaj nepoj; ke tiuj sonoj estas iliaj ĝojaj voĉoj, voĉoj de l'granduloj kaj malgranduloj, kiuj kunverŝiĝas en unu ĥoron kaj kantas al li pri feliĉo kaj ĝojo, kiujn en sia vivo li ne estas vidinta... Tiras la ŝnurojn la maljuna sonorigisto, kaj larmoj trakuras lian vizaĝon, kaj la koro bategas pro iluzio de feliĉo...

Kaj malsupre la homoj aŭskultis kaj diris unu al la alia, ke neniam estis sonoriginta tiel mirinde la maljuna Miĥeiĉ.

Sed subite la granda sonorilo ektremis malkonfideme kaj eksilentis. La konfuzitaj akompanantoj eksonoris nefinitan ruladon kaj ankaŭ ekĉesis, kvazaŭ por aŭskulti la malgaje bruantan longan noton, kiu tremas kaj fluas, kaj ploras, silentiĝante iom post iom en la aero...

Senforte la maljuna sonorigisto sidiĝis sur la benkon, kaj du lastaj larmoj ruliĝas sur la palaj vangoj...

---

He, sendu anstataŭonton! La maljuna sonorigisto finsonorigis ... (El la rusa lingvo: C. Rosen.)

# Tra la Libraro

*Literaturo — Scienco — Religio — Lernolibroj — Diversaĵoj*

Ĉiujare nia kongreso naskiĝas, ne nur prikongresajn dokumentojn, sed ankaŭ literaturaĵojn, ĉar la nacianoj de la kongreslando kompreneble deziras prezenti al siaj gastoj, krom naturajn kaj teknikajn allogaĵojn, ankaŭ spiritajn. La Budapesta ne rompis la kutimon, kaj estis okazo por valoraj plioj al nia librotrezoro.

Unuaranga estas la romano : *La Cikoni-Kalifo* de Miĥaelo Babits, tradukita de Karlo Bodo. Ĝia temo estas tute aktuala, en epoko, kiam sonĝoj estas science konsiderataj kaj ludas gravan rolon en la novmoda psikanalizo. Lerte la aŭtoro akceptigas iom post iom veršajna tiun strangaĵon de unika animo loĝanta en du apartaj individuoj. La sento angora devenanta de la kreskanta reciproka influo de tiu duopo ĉiupaĝe pliiĝas ĝis la neevitebla fina katastrofo. Kiel reliefe estiĝas la kontrasto inter la flegata, bonedukata filo en riĉa familio, kaj la senpatra, mizerega lignaĵistlernanto ! Kiel strange kaj mistere la personoj en unu rondo respegulas aliajn de tute malsama medio ! Kiel terura estas vivo de junulo, kiu ne povas difini, el liaj du ekzistoj, kiu estas la reala kaj kiu la sonĝa ! La traduko estas bonega ; tra ĝi ankaŭ oni konscias, ke poeto estas Babits : trafaj priskriboj de personoj kaj lokoj, vere originalaj komparoj, lerta ĉiam pli intima kongruo de la du ekzistoj, estas rimarkindaĵoj. Ankaŭ la sperta profito de nia vortfarado ; esprimoj kiel : glasumi, traŝipumi, grajnumi, travortarumi, tiaĵo, kielaĵo, k.t.p., kunmetaĵoj kiel : orelkaresa, kokidmensa, laktobuŝa, sukŝveliĝi, k. t.p., tre plaĉas ; nur unu, du vortoj (brutala, humido, notabilitato), aŭ forigo de unu duono el la paroj : tiu kiu, tio kio, kiam ili ne estas samkazaj, estus kritikindaj. Malofte oni liveris modernan romanon kun samnivela literatura valoro, samgrada intereso, sambona traduko al nia legantaro ; tiun verkon ĝi ne ignoru, sed taksu laŭmerite.

Ankaŭ ne preterlasenda estas certe nova originala verko de Julio Baghy. *Migranta Plumo* estas kolekto de tekstoj, kies plejmulto jam aperis en diversaj gazetoj ; prozaĵoj, teatraĵetoj, poemoj alternas, ĉiam bonstilaj, ĉiuj interesaj, laŭvice kortuŝaj, timigaj, bonhumore spritaj, ankaŭ satiraj kiam Esperanta vivo estas la temo. Ĝenerala tendenco ne aperas en la libro ; ĝi estas mozaiko, kies ŝtonoj hazarde apudmetitaj brilas ĉiu por si ; se mankas tie la unueco trovebla en romanoj kaj poemaroj entaŭe verkitaj de l'sama aŭtoro, oni retrovas plezure lian facilan, fluan, elegantan lingvon, ĉiam lerte alfaritan al la traktata temo.

Per traduko de multaj poemoj, el pli ol 50 diversaj aŭtoroj, preskaŭ ĉiuj de la lasta kaj nuna jarcentoj, Francisko Szilagyi celis doni fidelan bildon de la hungara poezio. Lia *Poemaro el Hungarlando* meritus pli belan preson sur pli bona papero ; poezioj estas perloj, kiujn luksa juvelujo plibeligas. La rezulto de tre malfacila laboro ne estas plene kontentiga ; tamen ne mankis talento, aŭ kono de nia lingvo kaj de ĝia versarto. Sed pli kaj pli konvinke vidiĝas ke, krom maloftaj esceptoj, estas klopodo vana, preskaŭ neebla, traduki nacilingvan poezion en Esperanton. Redoni la sencon de la originalo, imiti ĝian ritmon kaj samtempe obei la rigidajn regulojn de nia versfarado estas ia kvadratigo de l' cirklo. Samajn barojn oni ja ankaŭ renkontas tradukante poemojn de unu nacia lingvo al alia ; poezio estas tro parenca al muziko, tro dependas de vortsonoj por elporti tian kripligon. Estus pli bone, por konigi la temojn de fremda poezio, nur libere kaj proze redoni ĝian sencon, rezignante decide pri ritmo, rimo, muziko. Tion dirinte ne pri iu aparta verko, sed pri ĉiuj samspecaj, ni konfesas, ke Sro Szilagyi sukcesis plej eble en la mallarĝaj limoj memaltruditaj. Du elĉerpaĵoj, mallongaj pro lokŝparo, montros tion.

*Nokt' feliĉa*

Aleksandro Petőfi.

Nokt' feliĉa ! — Mi kaj mia belfloro
Nin amuzas en ĝarden' je nokthoro.
En silento nur la hundoj ekbojas,
Surĉiele
Felandbele
Steloj, luno brilĝojas.

Mi neniam estus bona noktstelo,
Mi ne restus por la nokt' sur ĉielo
Ne amuzas min anĝela kanthoro,
Je vespero
Vin, sur tero
Mi vizitus, belfloro.

*Mi estas ĉiel...*

Deziderio Kosztolanyi.

Mi estas ĉiel enregistradata,
Min antaŭnotis ĉiaspeca list',
En ŝimodora griza oficejo
Pri mi okupas sin la oficist'.
Ho, dentknarigo, ho malhumiligo !
Mi vivas sen libero en karcer'
Ne estas mia eĉ la man', eĉ kapo,

Piedo, ĉio estas nur afer'.
Prefere vivus mi en la dezerto,
Aŭ putrus mi sub ter', sub morta pist'
Ĉar estas ĉiel mi registradata
Kaj min prinotis ĉiaspeca list'.

La supra rezono ankaŭ valoras por la verko : *Elektitaj versaĵoj* de Marie Under, tradukita de Hilda Dresen. La volumo estas pli inde prezentita kaj plaĉas ; sed en ĝi mankas iu enkonduka noto, kiu dirus ion pri la aŭtorino, pri la estona poezio kaj lingvo. Ĉu eble ĉi tiu estas pli proksima laŭ formo al nia, ĉu la versoj de unu sola verkistino pli facile adaptiĝis, ĉu la tradukintinon pli favoris muzoj ? Fakto estas, ke la poemoj ŝajnas pli fluaj, pli bonsonaj, malpli perfortitaj ol en la antaŭe priparolita kolekto. Cetere ĝenerale malgajaj kaj pesimistaj ili estas. Jen estas ankaŭ, kiel specimenoj, du mallongaj eltiraĵoj el tiu versaro, kiu respondas laŭ ritmo kaj rimo al la originalo :

*Ekstazo.*

Ho ! plej belega estas viv' surtera,
De deziregoj la eterna fest'.
Min venkas de ĝuado la majest',
Mi en sentad' ne estas ja severa.

Jam glitas kvazaŭ ŝaŭmo efemera
Al la piedoj la helverda vest',
Susure falas ĉio jam sen rest',
Ĉar nude estas la virin' plej bela.

Aromas la heliotrop' sen fin',
Fabele la krepusko rava bluas.
Per ĉiu fibro mi la belon ĝuas,

Ĉar tia estas mia jam destin'.
El vivpokalo trinki mi avidas,
Ĝin malplenigi febre mi rapidas.

*Noktaj stratoj.*

Nun naĝas kvazaŭ fiŝo en kanaloj
Laŭ stratoj vent' : per brankoj kapti penas
Ĝi lunserpentojn, kiujn el portaloj

Gaslum' disĵetas. Nokto venas,
Fulgiĝas jam la antaŭurbaj stratoj :
Pasanton ĝi avide ĉirkaŭprenas.

Aŭdiĝas de malsupre pugnobatoj,
Kriego raŭka kaj malbenovortoj.
Sufokas ilin domoj, baril-latoj.

Oscedas kvazaŭ lag' senakva kortoj
En mezo de barilo kansimila...
Ĉielon tiris teren ies fortoj,

Distranĉas ĝin la suonluno brila.

Ĉu ankaŭ inter literaturaĵoj lokiĝos la *Libro de l' Gajulo*, kolekto da anekdotoj kaj humoraĵoj ? Tiaj mallongaj spritaĵoj estas tre taŭga legaĵo por komencantoj ; sed se celo kaj elekto de Sro N. Marinov estas bonaj, la libreto, nebele presita, estas tre multerara je lingva vidpunkto ; tio por legolibreto estas grava difekto. Kial ne peti korekton de sperta alilingvano antaŭ ol presigi ion ?

La verketo de S-ro E. Drezen : *La vojoj de formiĝo kaj disvastiĝo de la lingvo internacia* estas duparta. Unue la aŭtoro ekzamenas la problemon laŭ la spertoj jam faritaj sur tiu kampo ; li bone konigas la superecojn de nia lingvo, inter aliaj : ĝia apero en tre oportuna tempo, ĝia unuafoje plene atentita principo akcepti ĉiujn jam internaciajn radikojn, la minimuma sistema parto prilaborita de ĝia aŭtoro, kio ebligis vere kolektivan kaj malrapidan kreadon de la lingvo. Pro tiu iompostioma komuna kunlaboro de la praktikantoj mem, nia lingvo sukcesis, kaj ne povos ĝin konkurenci aliaj projektoj, pli teorie ellaboritaj de unu aŭ kelkaj scienculoj. Tiu objektiva rezonado enhavas tre sugestajn pripensojn. La dua parto estas kronologia tabelo pri ĉiuj proponoj kaj projektoj de internacia lingvo, listo rimarkinde riĉa.

---

Presita de Brita kaj alilanda Biblia Societo, sed ankaŭ ricevebla de la propagandejo « La Interniaro », estas nova eldono de *La Nova Testamento*. La teksto estas tiu de la kompleta Sankta Biblio, do zorge revidita kaj korektita. La malampleksa formato, kun tamen neta literaro, liveris vere praktikan, facile kunprenotan poŝtestamenton, kiun certe multaj samideanoj ŝatos posedi.

La sama firmo sendas kolekton da ok *religiaj folietoj*, ĉiu kun kolorita titolbildo kaj mallonga biblia rakonto : La Mesio suferanta, La Samarianino, Nikodemo, k.t.p. Belaspektaj religiaj propagandiloj.

Al la ideoj eldiritaj de Dro Kliemke dum la Antverpena kongreso pri *Bahaismo kaj politiko*, ĉiu vera bonvolulo aliĝos, ĉar « esti bahaano simple signifas : ami la tutan mondon, ami la homaron kaj klopodi ĝin servi, labori por universala paco kaj universala frateco ». Venu baldaŭ la epoko de boneco kaj justeco interŝtata, prisonĝata en tiu bonstile verkita parolado !

Duobla numero de biblioteko « Nova Kulturo » alportas du predikojn de Patro Danov, fondinto de l' Blanka Frataro. Plenaj je bonaj konsiloj, *La Nova Vivo*, kaj *La Mallarĝa vojo*, enhavas multe da vortoj, sed malmulte da originalaj ideoj ; ili estas miksaĵo iom konfuza da evangeliaj, moraligaj, higienaj preceptoj. Mi restas iom skeptika pri la efiko de tia legaĵo.

*Pri religio*, aŭ pli vere : kontraŭ religio, broŝuro de komunista Biblioteko, entenas tradukon de du artikoloj de Lenin publikigitaj en 1905 kaj 1909. « Socialismo kaj religio » asertas ke religio estas spirita premego, veneno por la popolo kaj ke oni devas puriĝi je tiu mezepoka ŝimo. « Pri rilato de laborista partio al religio » diras, ke fako el la klasbatalo estas la batalo kontraŭ religio, ĉar komunismo estas konstruata sur « materialismo absolute ateista » kaj « senhezite malamika al ajna religio ».

Sro Tichawski ne titolis Esperanto, sed *Mondlingvo* sian plenan kurson por Poloj, tre bele eldonita kaj presita lernolibro, ĉar, laŭ li, nomo de nia lingvo ne plu taŭgas ; la jam sufiĉa disvastiĝo de l' internacia lingvo estas nun pli ol espero. La unua parto, nur esperanta, enhavas la gramatikon kaj ekzercojn en 32 lecionoj, kun klarigoj por kursestroj ; la dua estas vortaro Mondlingva-Pola-Germana, ĉar ĉe okcidenta Polujo ankaŭ germanlingvanoj vizitas la kursojn ; la tria donas la fundamentan gramatikon pole kaj germane, kaj la kvara konsistas el kolekto da prozaĵoj kaj poemoj kiel legaĵo. La tuto estas zorge ellaborita kaj vere sufiĉas por plene ellerni la mondlingvon.

Samtempe Poloj povos uzi verkon pretigitan de Sro Jan Zawada : *Plena Vortaro de Lingvo Internacia Esperanto* kun ĉiuj oficialaj radikoj, ĝis la lasta kvara aldono de la Akademio, kun polaj tradukoj. Krom la vortaro mem, estas ankoraŭ la fundamenta gramatiko, diversaj tabeloj kaj ĉapitroj pri la Fundamento, la Lingvaj organizaĵoj, la Vortfarado, Bibliografiio k.t.p. Ankaŭ serioza kaj utila laboraĵo, en bona eldonaĵo.

La *Ekzercilo por Supera Praktika Kurso* de A. Mazzolini tute en Esperanto, por ĉiulanda uzado, bone respondas tian titolon. Tre detale la aŭtoro unue klarigas la diversajn farendajn ekzercojn, lego, traduko, retraduko kaj precipe dialogoj inter instruanto kaj lernantoj. Baza teksto por la ekzercaro estas versa fablo : Lupo kaj Heliko. La multaj konsiloj kaj detalaj rimarkoj fontas de longa spertado en instruado ; ekzercoj pri korelativaj vortoj, ekzemple, estas bonegaj. Oni povus diskuti ĉu versoj kun nenatura vortordo estas speciale taŭgaj kiel modelo ; ankaŭ ĉu kelkaj kritikoj aŭ harfendaj distingoj estas ĝuste lokataj en lernolibro. Sed tiujn detaletojn flanklasante, mi kredas ke lernantoj, tiom precize kaj funde instruataj, kiom permesas tiu metodo, fariĝos lertaj esperantistoj.

Legolibreto por svedoj, precipe por partoprenantoj ĉe korespondа kurso, estas la historio de *Namezo*, legendo bonstila, prezentata sur du kolonoj en Esperanta kaj Sveda tekstoj, kun piedpaĝaj klarigoj.

**Malkara Esperanto-Legaĵo**

Tri belaj verkoj en Esperanto, nome la *Bulgara Antologio*, *Bulgara lando* kaj *popolo*, *El la proksima oriento*. Ĉiujn kune por nur Kvin Fr. Svisaj aŭ egalvaloro, sendas.

Ivan H. Krestanoff, PIRDOP (Sofia), Bulgarujo.

Oni aldonu 1 Frk. sv. por sendo rekomendita, plenumata nur kontraŭ antaŭpago.

# ORIGINALA VERKARO

**L. L. Zamenhof :**

La ideo de internacia lingvo ja estas universala ; la metodoj ĝin starigi malsamas. El la kelkcentoj da homoj ĉiuspecaj oni povas certigi ke la plimulto konsideris la problemon el vidpunkto socia, aŭ se oni preferas « humana ». Interesa psikanaliza objekto prezentiĝas en tiu-ĉi provado, sed ĉar mankas dokumentoj, tia esploro ne plu estas ebla. Ankaŭ la aŭtoro de Esperanto, D-ro Zamenhof, eliris de nure humana konsidero ; apud tiu-ĉi homama sento, libera je plorado pri homa malfeliĉo, montriĝis en tiu viro vere eminenta sento de praktika bezono. Estas ankaŭ demando esplorinda, ĉu ano de granda lingvo estus kaptinta la ideon kombini tion, kion la lingvistiko trovis, amasigis, sed ne sciis utiligi. Ĉu la internacia lingvo, kiel ni ĝin uzas, havas spiriton ne estas plu demando. La literaturo, la kongresoj kaj la popolo uzanta tiun lingvon, tion pruvas. Ĉu tia fenomeno ne povus ŝanĝi menson, kirasitan de antaŭjuĝoj, de tradiciaj paroloj kaj de fiereco pri propra povo kaj scio ?

Ĉu ni konis D-ron Zamenhof ? La plimulto de la nuna esperantistaro *ne*, kaj tiuj kiuj havis la bonŝancon vidi lin ne povis diri tutkonvinke « mi konis la majstron ! » Sed al lia verko aplikiĝas la vorto de l'Evangelio « Per iliaj fruktoj, vi ekkonos ilin ». Vidante tiun movadon, kreitan per lia genia ideo oni diras al si mem : « Li estis bona profeto ».

Ekzistas ja homoj kiuj kritikas nin pro nia emo imiti popolon. Ni posedas en nia movado ĉion kio similas al tia, escepte la landon por krei novan patriotismon. Kiel ajn oni rigardas la problemon, sen entuziasmo por alta celo nenio kreiĝos. Al Grafo Zeppelin oni pruvis ke lia ideo estas frenezaĵo absoluta sed li obstinis. Ĉu hodiaŭ iu ripetus tiun juĝon ? Se do la esperantistoj aktivaj (ne tiuj kiuj lernis la lingvon kiel tian kaj ne partoprenas la movadon) formas kvazaŭ popolon, ĉu ni tion bedaŭru ? Apud la lingvo, libera por ĉiu, ekzistas alta ideo kiun oni povus nomi la « interhoma patriotismo ». Tiun spiriton de idea solidareco ni ne lasu perei, ni ne malesperu pro fuŝuloj kiuj ekzistis, ekzistas kaj ekzistos ĉiam. Iu foje diris « Mirige, tiu-ĉi Esperanto floras spite la esperantistoj !

Ni kulturu la Zamenhofan spiriton. Ano de persekutita nacio, li kunigis en si tiujn kvalitojn de vera apostolo. Se ni ne konsentas kun li pri ideoj religiaj aŭ politikaj, tio ne gravas. Ni akceptis lian donacon, kiu estas fundamenta ŝtono de estonta pli bona organizo monda. Kaj ni ekkonu lin, per liaj laboroj, per liaj zorgoj, per liaj suferoj kaj ĝojoj.

Apud la « Fundamento de Esperanto » libro kiun devas spirite posedi ĉiu « esperantisto » ni posedas la tradukaĵojn de klasikaj verkoj el la monda literaturo. Tio ja vidigas la genian kapablon, transdoni al ni ĉefverkojn. Kongresparoladoj estis eldonitaj, artikoloj aperis, sed ĉio disigite. Kiam Profesoro Dietterle lanĉis la ideon kolekti ĉion pri la majstro por represigi, lia alvoko trovis neatenditan respondon. Kaj hodiaŭ ni havas sub la mano tiun ideon konkretigita en bela libro. Ĝi titoliĝas « Originala Verkaro », 600 paĝa grandformata, eldonaĵo de firmo Hirt & Sohn en Leipzig. Senutile diri ke ĝi aspektas inda, ja luksa !

Ĉu ni recenzu tian kompilaĵon per konvenciaj vortoj, ĉu ni kritiku ideojn en ĝi, kiuj jam estas historiaj, kiujn faktoj jam realigis aŭ ŝanĝis ?




*Malgrandigita kovrilpaĝo*

Tio estus senutila faro. Sed kion ĝi donas tiu-ĉi bela volumo, tion oni konu. En Antaŭparolo la kompilinto parolas pri la metodo de l'aranĝo. La O. V. formiĝas do el artikoloj, paroladoj, leteroj, poemoj. Trovi ĝustan mezon en la grupigo de tiu-ĉi materialo, certe ne estis simpla tasko. En la artikoloj kiujn verkis D-ro Zamenhof respeguliĝas tiu-ĉi forta karaktero, kiu baraktante kun la ordinaraj zorgoj tagaj povis dediĉi la vesperojn por kvazaŭ profesia laboro pri Esperanto. Relegu la antaŭparolojn de l'Unua libro kaj aliaj gravaj verkoj, kaj admiru la klaran penson, la rektan linion kaj ankaŭ la scion pri homa neperfekteco. Vere, en tiuj artikoloj ni trovas spiritan arsenalon nedetruigeblan. Sed trezoro estas sendube la gazetartikoloj. Pri ĉiuj problemoj, la lingvo, la literaturo, la organizo, D-ro Zamenhof donis sian opinion, klare precize kaj — modeste. Analizo de liaj artikoloj montras kiom delikate li sciis eviti krudajn vortojn, kaj tion ni pleje konstatas el la legado de la *leteroj* represitaj. Bedaŭrinde ja mankas la kontraŭa flanko, sed el la respondo (de D-ro Zamenhof) vidiĝas ke ofte la persono skribinta al li ne havis saman ekvilibron kaj trankvilecon.

Foliumante tiun libregon, kiu respeguligas nur eron de l'tuta laboro plenumita de Zamenhof, oni admiras tiun persistan, preskaŭ religian kredon al la bono de ideo. Ni klinu la kapon antaŭ tiu-ĉi sinofero kaj ni penu lin imiti. Al la kompilinto, la altŝatata D-ro Dietterle, ni kore danku por lia valora iniciato kaj kompilaĵo kiun li dediĉis al S-ino Alice Morris en New-York. La dankon al firmo Hirt ni montru konkrete per akiro de tiu-ĉi libro, inda objekto por fari donacon.

En venonta artikolo, la gazeto *Esperanto* analizos la libron detale. La nuna priparolo ne celis konstati mankojn, aŭ montri kiel oni povus fari tiun kompilaĵon pli bone. Kaj

kritiki ideojn de la majstro, estus faro neinda. Staru je la fino la lasta strofo de « l'Preĝo sub Verda Standardo », nekonata al multaj :

*Kuniĝu la fratoj, plektiĝu la manoj,*
*Antaŭen kun pacaj armiloj !*
*Kristanoj, hebreoj aŭ mahometanoj*
*Ni ĉiuj de Di' estas filoj.*
*Ni ĉiam memoru pri bon' de l'homaro,*
*Kaj malgraŭ malhelpoj, sen halto kaj staro*
*Al frata la celo ni iru obstine*
*Antaŭen, senfine !*

(G. Agricola).

## NOVAJ LIBROJ

*La Cikoni-Kalifo.* Romano. *Miĥaelo Babits.* El la Hungara tradukis Karlo Bodò. 1929. Biblioteko Tutmonda, Noj 23-25. Rudolf Mosse, Berlin, Esperanto Fako. — 188 paĝoj, 10 ½ × 17 cm. — Prezo : 1,50 mk.

*Poemaro el Hungarlando.* Hungaraj poetoj de la XVI a jarcento ĝis niaj tagoj. Esperantigis *Francisko Szilâgyi.* 1929. Eldono de la « Vajda Janos » Literatura Societo, Budapest. — 96 paĝoj, 13 ½ × 20 cm. — Prezo : 3 pengo.

*Dro Lazaro Ludoviko Zamenhof. Poŝtkarto.* Desegno de H. Pienyns. Eldonintoj R. De Kegel kaj P. P. Colin, Denderstraat 58, Aalst, Belgujo.

*Ekzercilo por Supera Praktika Kurso de Esperanto. A. Mazzolini.* Esperanto-Eldonejo A. Paolet. S. Vito al Tagliamento (Ital.) 1929. — 36 paĝoj, 17 × 24 cm. — Prezo : 4 L. (Italia : 3 Lir.)

*Ĝenerala Ligo de la Blinduloj de Flandrujo.* Studo pri la eduko de la Flandraj Blinduloj. Editoro Fiten Frans, 29 Rijselschebaan, Antwerpen-West. — Presprovaĵo, 16 paĝoj, 12 ½ × 20 cm.

*La Sun-kaj Aerbanejo* de Excelsior-Asocio, Gräfsnäs, Svedujo. Prospekto, 4 paĝoj, 14 ½ × 22 ½ cm.

*La Mondlingvo.* Plena kurso prilaborita de *Jan Tichawski.* Katowice. Mondlingvo-Eldonejo, ulica Plebiscytowa 25. — 164 paĝoj, 14 × 20 cm. — Prezo : 7,50 zl. (4,50 sv. fr.).

*Kongreslibro. Nia Dekkvara.* Kongreso de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista. 11-15 Aŭgusto 1929, en Praha. — 72 paĝoj, 12 ½ × 19 ½ cm,

*La Vojoj de Formiĝo kaj Disvastiĝo* de la Lingvo Internacia. Studo de *E. Drezen.* Esperantigis el rusa lingvo N. N. Sennacieca Asocio Tutmonda, Eldona fako kooperativa, Leipzig. 64 paĝoj, 11 ½ × 14 ½ cm. — Prezo : 0,60 mk.

*Migranta Plumo.* Teatraĵoj, Noveletoj, Poemoj. *Julio Baghy.* 1929. Hungarlanda Esperanto-Asocio kaj Ludoviko Kòkaj, IV Kemermayer, Karoly-U. 3. Budapest. — 160 paĝoj, 12 × 16 cm. — Prezo : 3,10 sv. fr.

*Libro de l' Gajulo.* Humoraĵoj, anekdotoj kaj gajaj rakontoj. *N. Marinov.* 1929. Sevlievo. Bulgarujo. 64 paĝoj, 10 ½ × 14 cm. — Prezo : 10 levoj (2.— fr. fr.).

*Kleiner Esperanto-Lehrer* für das Gastwirtsgewerbe, zum Selbstunterricht, von *E. Markau.* Potsdam. Friedrich Ellersiek, Berlin S. W. 61. Wilms-strasse, 5. — 36 paĝoj, 11 ½ × 15 ½ cm. — Prezo : 0,60 mk.

*Nameso.* Låsebok főr Nybőrjare i Esperanto. Med parallelltext. Stockholm, Főrlagsfőrenigen Esperanto u.p.a. — 16 paĝoj, 13 × 18 cm. — Prezo : 40 őre.

*Kantareto.* Aranĝis *Jan Filip.* 1929. Eldonis František Buhr, Praha XVIII — Brevnov, 514. — 56 paĝoj, 10 ½ × 16 ½ cm. — Prezo ne montrita.

## LINGVAJ STUDOJ

### La oficialigo de prefikso mis-

Suferinte multajn kritikojn pri troa konservativeco, nia Akademio hezitis pri proponita oficialigo de *mis-* kaj ne ŝatis ankoraŭ rifuzi de si mem rekonon de jam longe uzata prefikso. La demandon ĝi submetis al libera voĉdono de la Lingva Komitato, kiu decidis la oficialigon per 72 kontraŭ 38 voĉoj. Nun vi do povos uzadi laŭplaĉe tiun prefikson sen ia risko pri oficialaj riproĉoj !

Cetere nek la demando nek la decido vekos grandan intereson aŭ bruon inter la esperantistoj, ĉar la nova gasto jam vivis de longe en sia modesta loko kaj ludis kaj ludos vere tre limigitan rolon en Esperanto. Malgraŭ tio ĝi estas utila por eviti tro longajn vortojn kiel *malbonuzi, malbonkompreni, malbonaŭdi, malbonkonduto, erarkalkulo, erarkomposto, malpravapliko.*

Prave la Akademio rekomendis limigi la sencon de *mis* — al tiu de *erare malbon'* por ke ĝi neniel enpenetru la teritorion kovratan per la sufikso — *aĉ.* Vidu la diferencon inter « misparoli malfacilan anglan vorton » aŭ « parolaĉi angle ».

La prefikso *mis* — estas anglo-germana enportaĵo en nian lingvon, sed estas bone ke ĝi ne enportu kun si ĉiujn siajn hejmajn kutimojn, ĉar ĝi tiam havus tro diversajn sencojn.

La angla lingvo ne posedas fortan prefikson por esprimi la malon. Ĝia negativa *un-* pli similas nian *ne.* Vidu *uncommon* (nekomuna), *unable* (nekapabla). Nur ĉe verboj la angla *un* — iom plifortiĝas. Vidu *undo* (malfari) *unloose* (malligi). Tial ĝi emas uzi *mis* — por esprimi malon ĉe vortoj kiel ekzemple anglo-sakse *mis-lik* por *malsimila* kaj moderne *misfortune* por *malfeliĉo* aŭ *mistrust* por *malfido.* Ankaŭ tia misuzo de *mis-* ne devas enportiĝi en Esperanton. Germana lingvo posedas similajn ekzemplojn en *Missglücken, missbilligen,* neniel imitindajn en Esperanto, kiu nur akceptas la uzon troveblan en *missbrauchen* aŭ *missdeuten.*

Sed kun la limigita senco de *malĝust'* la prefikso ĵus oficialigita povos utile disflori en nia lingvo kaj naski eĉ multajn pliajn kombinaĵojn ol nun kiel ekzemple *misregi, misgvidi, misinformo, misraporto, misadministri, misnomi, miscito, misjuĝo, misloki, misortografi, misripeti, mistraduki,* k. t. p.

Etimologio estas pli ofte erariga ol helpa en lingva instruo. Tamen, en tiu ĉi okazo, memorinda estas la malnova anglo-saksa verbo *-missan* (-maltrafi).

Edm. P.

## Ambicio

Al miaj gefiloj

*Lumon vidis papilio !*
*Troa brilo, ve, ĝin tentis !*
*Kaj ĝi baldaŭ sin turmentis,*
*arde sentis,*
*kiel mortas iluzio !*

*Zorgu vi, ne tro fervori*
*al la lumo ! Riĉaj briloj*
*vin allogas, sed, gefiloj,*
*la flugiloj*
*povos bruli kaj vi ploros.*

*Ĉie, ĉie, sur la Tero,*
*diamanto estas ĉarmo !*
*Ne valoras la alarmo,*
*eble larmo*
*ve, sin kaŝas en la vero !*

*Zorgu vi, la ambicio*
*devos flugi tre nature,*
*se ni celas aventure,*
*senmezure...*
*Tial mortis papilio !*

Saldanha Carreĵra, Lisboa.

# TRA LA MONDO ESPERANTISTA

## 14a Internacia Kongreso de l'Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista

### Praha, Aŭgusto 1929

La festkunsido komencis per la katolika himno. Anstataŭanto de la bedaŭrinde malhelpita espiskopa moŝto D-ro Sedlák, kanonika moŝto d-ro Ant. Eltschkner malfermis la kongreson per impresplenaj vortoj. Li esprimis sian grandan ĝojon, ke la kongreso havas por objekto la gravan temon : « La katolikaj misioj », kaj ke la Kongreso elektis kiel patronon, Sanktan Venceslaon, kiu estis misiisto en sia lando. Poste li transdonas la prezidon al la prof. moŝto J. Font-Giralt (Hispanujo), prezidanto de I. K. U. E.

Kun kora bonveno pastro Font-Giralt salutis la reprezentantojn kaj anstataŭantojn de la eklezia kaj civilaj registaroj ; tiel ankaŭ la delegitoj, kiuj poste salutis la kongreson en propra nomo aŭ laŭ komisio de iliaj senditoj, kaj kiuj ankaŭ deziris al la kongreso plej bonan sukceson.

Precipe mi volas mencii la salutvortojn, kiujn alportis : Pastro Poell (Nederlando) en la nomo de sia hejmlanda episkopa moŝto Mons. Diepen el s' Bosch ; pastro o. Pius Lenz O. Cap. en komisio de la episkopoj D-ro Seydl el Wien kaj D-ro Filzer el Salzburg, por la VI a ĝenerala misia kongreso en St. Gabriel (apud Wien), financkonsilanto Holoubek en la nomo de urbkomunumo Praha, kaj S-ro Chiba (Wien) kiu precipe salutis la senlacan vicprezidantinon F-inon Larroche (Paris).

Al la Sta. Patro Papo Piu XIa, al la eklezia Primato en Praha, episkopa moŝto D-ro Kordaĉ kaj al la prezidanto de ĉeĥoslovaka respubliko oni sendis telegramojn.

Fine la kongressekretarioj estis elektitaj kaj ĥoro bele kantis katolikan himnon de Pizzi.

La prezidanto fermis la memorindan festkunvenon kaj oni foriris al komuna tagmanĝo.

La multaj kongreslaboroj estis finitaj en kvar kunsidoj. Preskaŭ 200 partoprenantoj estis ĉe la kongreso.

Dum la kongreso D-ro Walka komunikis, ke laŭ deziro de la Kardinala moŝto D-ro Friedr. Gust. Piffl, la direktoro de la Viena pastra seminario, kanonika moŝto Handlos, volas enkonduki Esperanton — en tiu ĉi aŭtuno, — kiel instruobjekto, por la teologiokandidatoj.

Rilate la temoj de niaj laborkunsidoj, mi volas citi kelkajn precipe interesajn raportojn : de pastro F. Meŝtan, pri la misisocieto « Reĝino de la apostoloj », de pastro P. Pius Lenz, « La misio de la kapucena Ordeno », de pastro Reynald Schmalbaug (Zwettl), « La misilaboroj de la cisterciana Ordeno », pastro Mazak, pri misilaboroj de la germanoj en la ĉsl. respubliko » ; pastro Poell, pri la unuiĝo por la propagando de la kredo en Nederlando ; pastro Font-Giralt, misipropagando en Hispanujo ; F-ino Mann, « Ekfloro de la katolikaj misioj en britaj landoj kaj kolonioj » ; S-ro Schendeler, pri la societo por disvastigado de la katolika religio en U. S. A.

La kongreso decidis, ke ĉiuj raportoj estos presotaj kaj ĉiu, kiu havas intereson, ricevos la libreton.

Pastro Poell deziras, ke baldaŭ aperu « Katolika Kateĥismo » en Esperanto. S-ro Solzbacher diras, ke tia kateĥismo estus prespreta en Svisujo, mankas nur la necesa mono. Eble la misia domo en St. Gabriel-Mődling (apud Wien), povus helpi antaŭenpusi la aferon.

Detalan referaton pritraktis la Direktoro de « Espero Katolika » — pastro G. Ramboux (Paris). Li klarigis la neceson de bona kaj rapida raportaro kaj deziras plibeligi la gazeton. Li petas samtempe, ke ĉiu katolika Esperantisto kunhelpu, unue aboni la revuon, due pagi ĝustatempe, trie legi la enhavon kaj kvare varbi novajn abonantojn.

La kotizo por la membroj de I.K.U.E. estis altigata, kun escepto por Aŭstrio, de kie venis protestoj rilate la valuto. Pro tiu cedemo la delegito de Aŭstrio kore dankas.

La kongres-partoprenantoj el Aŭstrio decidis sendi salutleteron al lia Kardinala moŝto D-ro Piffl en Wien.

Nia ĝisnuna meritplena ĝeneralsekretario de I.K.U.E., S-ro Schendeler (Nederlando) estis unuvoĉe reelektita por pluaj kvar jaroj. (Aplaŭdo).

En la nomo de la « Studiis orientalibus » (Unuiĝo de kristanaj eklezioj) salutis esperantlingve la redaktora moŝto Nikodem Cieszynski el Poznán (Polujo) la kongreson. Liaj vortoj trovis ĝojan resonon.

Sekvas ankoraŭ kelkaj proponoj, inter ili : La delegitino de la « Societo-Peltier » el Graz (Stirio) F-ino. Menschik invitis la venontan kongreson en la ĉefurbo de Stirio — en Graz. Tiu ĉi propono estis akceptata.

Ne forgesataj estu la edifaj predikoj de pastro Poell (Nederlando), en la preĝejo de Praha-Jesuinfano ; de pastro G. Ramboux (Francujo) ; ĉe la tombo de sta. Venceslao ; kaj de P. Reynald Schmalbaug, O. Cist. (Aŭstrio), pri « Kredo, Espero kaj Amo », en la pregejo de « Kruckavaliroj ».

La de pastro Font-Giralt farita sta. meso en la lastnomita preĝejo, estis oferata je la memoro de la mortintaj membroj de nia I.K.U.E.

Grandan plezuron ni trovis en la rigardado de la vidindajoj de la je malnovaj kulturaĵoj riĉa urbo Praha. Belega estis la aspekto de la iu vespere artlumigitaj konstruajoj, precipe de Praha-preĝejoj.

Ankaŭ estis granda ĝojo por la kongres-partoprenantoj, la akcepto ĉe la gastama Praha urbestro dro. Baxa.

Multaj kongresanoj vizitis la famkonatan pilgrimejon « Stara Boleslav » kaj la tabakfabrikon en Kutna Hora.

Je la fino de la lasta kunsido, la prez. diris korajn salutvortojn al la prepara komitato en Praha, precipe al kanoniko D-ro Ant. Eltschkner, al nelacigebla S-ro Kudrna, al F-ino Dandová, s-ro Buhr kaj aliaj, ankaŭ al la raportistoj, la delegitoj kaj al la gazetaro.

Kun kora — ĝis revido en Graz — li fermis la XIVan.

Leopold Chiba.

## Svisa Esperanto-Kunveno

La jara kunveno de la Svisa Esperanto-Societo okazis en Zűrich, 5-6 Oktobro. Antaŭiris la kunvenon tre bone vizitita propaganda vespero dum kiu parolis Profesoro D-ro Műller kaj S-ro Jakob Schmid, sekretario ĉe la komerca departemento federala en Bern.

Interkonatiĝa vespero en la gildodomo « Waag » kun vere belaj kaj malenuigaj prezentadoj de dancoj kaj deklamaĵoj, sekvita de dancado.

Dimanĉo matene la labora kunveno. Lego de la protokolo de la antaŭjara kunveno en Bern, raporto de la estraro, propono pri fondo de svisa esp. gazeto, radio, kaj fikso de la nova ĉefgrupo. Vigla diskuto sekvis la deziron de la Ĝeneva grupo « La Stelo » ne nomi la kunvenon per la trograndiga vorto « Kongreso » sed resti ĉe la modesta kutimo dudekjara. Ankaŭ pri la fondo de propra gazeto oni ne trovis interkonsenton sed akceptis sendi demandaron al ĉiu unuopa grupo por ke ĝi skribe esprimu sin. Bonega raporto de la grupo en Neuchatel montris la du flankojn de la ideo sed ne aprobis tian entreprenon. Kontraŭe fervoraj Zürich-anoj opinias la aferon ebla kaj konigis ciferojn detalojn k.t.p.

Ĉeestis ankaŭ sendito de la Eduka estraro de urbo Zürich en la persono de ĝia sekretario D-ro Mantel. La urbo donacis sumon de 200 Frk. Post unuanima aprobo de la raporto oni elektis denove Bernon kiel ĉefgrupon kun forta danko al la estraro precipe D-ron Spielmann la nelacigeblan sekretarion de SES. Posttagmeze kunveno de la UEA membroj kie dum tri horoj oni diskutis variajn aferojn. (Ĉeestinto)

## Novaj sukcesoj en Svedujo

Kiel jam konate, post la parlamenta decido, S-ro Tiberio Morariu, direktoro de la Rumana Esp. Instituto, estis invitita gvidi la kursojn laŭ la metodo de Ĉe. La unua kurso de 10 ĝis 20 Julio okazis en la Komerca Instituto, Stockholm. Partoprenis 25 instruistoj kaj la ekzamenon ĉeestis multaj eminentuloj. La lokaj gazetoj detale raportis pri tio. La dua kurso havis saman sukceson en Hälsingborg. La kurson vizitis fremdaj esperantistoj pedagogoj pro intereso al la metodo de Ĉe, ekzemple Prof. O. Simon, S-ino Asta Michelssen, F-ino Margrethe Noll, ktp. La ekzamenon prezidis Rektoro Jansson kaj Prof. Simon, kaj ĉeestis kelkaj svedaj eminentuloj. Unu el la svedaj ĵurnaloj, raportante pri la kurso skribas interalie : « Ni tre impresiĝis de la granda lingvoscio, kiun la kursanoj akiris dum 10 tagoj. La lingvo nomiĝas Esperanto kaj la instruinto Morariu,... li ne estas nur pedagogo, sed ankaŭ aktoro. » El la skribdeklaro de la kursanoj, sendita al la sveda lerneja estraro, ni citas : « La Ĉe-metodo, aplikita en la kurso, posedas neordinarajn pedagogiajn kvalitojn : severe kontinua, detale pripensita kaj treege elmontriga... ».

## :: Turismo kaj Esperanto ::

### Torquay

The Great Western Railway eldonis tre belan prospekton, altformatan faldprospekton pri Torquay, ĉefloko de l' Brita Riviero. La prospekto estas en kvar lingvoj Angla, Franca, Germana kaj Esperanto. Bela aranĝo, luksa preso, bildoj. Oni povas ricevi tiun prospekton rekte skribante al J. M. Scott, Esq., General Manager, Torquay, England.

### Budapest

Al la serio de artaj gvidfolioj eldonitaj de la Urba Fremduloficejo aldoniĝis dum la kongreso nova presaĵo

**Budapest, plano kaj gvidilo**

Praktika urbplano 1 : 50000, abundaj praktikaj sciigoj tiom utilaj en lando kies lingvon eksterlande neniu lernas kompletigas tiun gvidfolion altformatan. Taŭga estas la alfabeta vico de la objektoj kun aldona hungara traduko, same la mallonga klarigo pri la hungara lingvo. En la adresaro esperantista mankas citaĵo pri UEA, ĝia turisma servo kaj la ekzisto de teritoria organizo.

Al la tre agema kaj vere lerta Fremdula Oficejo oni devas gratuli pro tiu ĉi laboraĵo kiu valoras pli multe ol dikega libro plena da balasto, sed malhavas la plej necesajn informojn. Ne sufiĉas ke urbo estu bela, interesa kaj alloga sed gravas ke fremdulo sciu profiti de tiuj kvalitoj. Kaj al tio la persona komforto estas ĉefa kondiĉo.

Oni povas ricevi tiun planon skribante al la Ĉefurba Fremduloficejo, Budapest V, Deak Ferenc utca 2.

## :: Esperantista Parolejo ::

### Ekonomia revuo en Esperanto?

La bulteno eldonata de la Internacia Labora Oficejo estas unu el tiuj bonegaj uzoj de Esperanto sur praktika sfero, kiuj meritus esti multigataj ankaŭ en aliaj kampoj sociaj kaj teknikaj. Fine la valoro de nia lingvo mezuriĝas grandparte je ĝia enhavo. De la plimultaj homoj vi ne povas postuli, ke ili lernu lingvon — eĉ facilan — pro tio kion ĝi enhavos aŭ enhavus, se oni ĝin oficialigus iam devige.

Necesas tuj montri, ke ĝi jam enhavas kion aŭdi, kion legi utilan sur la internacia kampo. Nu, se interesas industriulojn kaj laboristojn ekscii regule pri diverslandaj leĝoj kaj internaciaj kontraktoj rilate al profesiaj kondiĉoj, certe interesas ĉiujn urbanojn esti informitaj pri diverslandaj spertoj jam faritaj en administrado de publikaj servoj por la profito de la publiko.

Kiel funkcias Kanada ŝtatfervojaro aŭ Zürich'a urba tramvojaro, kiel organiziĝis dana asekuro aŭ Stockholma akvo-disdonado, kiajn spertojn oni faris, ĉu bonajn, ĉu malbonajn, ĉu ambaŭ, kiaj estis la kaŭzoj kaj kondiĉoj de sukceso aŭ malsukceso, progresado aŭ metodŝanĝoj, k.t.p. jen treege interesa temo, ne nur por ĉiuj membroj de ia komunuma konsilantaro, sed por ĉiu ajn civitano kontrolema je ilia agado.

Unu el la ĉefaj enketaj spertuloj de la Internacia Labora Oficejo estas la konata franca scienculo Edgard Milhaud, universitata profesoro pri Ekonomio. Laŭ lia iniciato kaj sub lia gvidado aperas regule dokumentoriĉa kajero « Les Annales de la Régie Directe », bedaŭrinde nur en la franca lingvo. Ĝi analizas kaj kronikas ĝuste la spertojn de tiaj publikaj entreprenoj kaj ĝi akiris grandan aŭtoritaton en oficialaj teknikaj rondoj.

En ĝia lasta numero la fondinto pritraktas la lingvan demandon kaj demandas pri la ebleco fari eldonon en Esperanto. La afero estas tre atentinda. Ĉu inter niaj legantoj ekzistas nombro da homoj sentantaj la intereson kaj gravecon de tia propono ?

Kun kelkcentoj da abonantoj je du dolaroj jare tia revuo povus eldoni en Esperanto ĉiujare plurajn kajerojn, kiuj restus valoraj dokumentoj pri faktoj, rezultatoj, statistikoj k.t.p. Ili alportus helpon al komunumoj tra la tuta mondo kaj servigus Esperanton al unu el la plej utilaj taskoj de publika informado, ĉar la nomitaj entreprenoj ĉie kreskas.

Kiu volas interesiĝi ? Tiuj el niaj legantoj, kiuj estus pretaj al tio eĉ per eventuala simpla abono (se la revuo aperus), bonvolu tion sciigi al Profesoro Edgard Milhaud mem, skribante al li esperante, 3, rue St.-Victor, Genève.

## Nefermita letero

S-ro Joh. Noever, Delegito de UEA en M. Gladbach petis nin enpresi la jenan leteron :

Al S-ro Alfonso Sabadell, Passeig de Gracia 23, Barcelona.

Kara samideano,

Jam delonge ni klopodis ricevi de vi respondon, sed vane. Kial ? Ĉu ni postulis ion malmodestan, ofendeblan aŭ kontraŭhonoran ? Eble vi opinias, ke via respondo estu tre detala. Ne, tute ne. Vi nur bonvolu skribi al ni pere de UEA « Jes » aŭ « Ne ». Tiam ni havos la certecon, ĉu post atendebla tempo ni povos aŭdi en nia hejmo la voĉon de nia kara majstro per gramofona disko — aŭ ne.

Pripensu ŝatata samideano. Multaj esperantistoj ne havis kaj nun ĉiuj ne plu havas okazon aŭdi la voĉon de nia majstro, kvankam ili tion tre volonte deziras. Ankaŭ vi, eble dezirante havi la voĉon de nia majstro petis lin, enparoli vian fonografon. Tial ni koregе petas vin, bonvolu plenumi *niajn* tre ofte ripetitajn petojn, same kiel nia majstro plenumis *vian* peton, kaj bonvolu skribi al ni pere de UEA nur la vorton « jes ».

Se vi eble bezonas helpon, ni estas al via dispono ĉiurilate kaj ne postulos profiton. Esperante, ke vi, ŝatata samideano baldaŭ respondos, ni korege salutas vin

viaj sinceraj Zamenhofanoj.

---

## Domo de Homamo

*Grandioza Homama kaj Esperanto-Entrepreno*

Laŭ la iniciato de S-ro O. Deguĉi, la Universala Homama Asocio entreprenas la konstruon de *Domo de Homamo*, kiu situos en la centro de Eŭropo. Ĝi kostus proksimume 200.000 pundojn (1.000.000 da dolaroj).

Kiel esprimo de Universala Homamo, la konstruaĵo estos aranĝita kaj administrata nur per Esperanto, kiu estos la sola oficiala lingvo en la « Domo ».

La *Domo de Homamo* havos komunan preĝejon, internacian kunvenejon, Esperanto-fakan bibliotekon, muzeon, klubon, loĝejojn por malpli riĉaj vizitantoj ktp.

La *Domo de Homamo* similos, laŭ siaj amplekso kaj majesteco, al la nunaj modernaj palacoj.

Ni estas pretaj oferi grandan parton de la supremenciita sumo, sed ni ne povas doni la tutan. Tial, ni faras alvokon al ĉiulandaj sinceraj homoj, riĉuloj kaj malriĉuloj, alporti siajn brikojn al la *Domo de Homamo*. Ĉies opinioj, proponoj kaj projektoj, kiujn oni komunikos al ni koncerne la formon de la « Domo », la lokon, kie ĝi devus esti konstruita, estos konsiderataj atente.

Petu detalojn de ni ! La nomojn de ĉiuj donacintoj ni publikigos en « Oomoto Internacia ».

Sendu vian brikon al S-ro Koogecu Niŝimura, 124, rue de la Pompe, Paris 16e.


**KIU BONKORA RIĈULO**

**helpus al juna tute honesta geedzo fondi ekziston ? Al detalaj informoj kaj reciprokaj servoj estas tre volonte preta.**

**ALFRED MICHEL**

**Juststrasse 2c, Zittau Sachsen, Germanio**


## Oni dankas

***S-ro J. Ravestein, ano de UEA en 's-Gravenhage (Nederlando) tutkore dankas al S-ro Barthel el Frankfurt a.M., Sro Deubler el München, Ge-soj Hörtenhuber el Salzburg, Sro Prof. Mathiarchek el Hallein, Sro Dro Sôs el Wien, Sino Raisz el Budapest, Sro Rotkviĉ el Zagreb, Sro Bonini el Venezia, S-ro Kreuz el Genève kaj S-ro Huber el Luzern por iliaj multaj servoj dum vojaĝo.

*** S-ro Grenkamp-Kornfeld, Parizo kore kaj amike dankas al S-ro Ŝapiro Ĉefdelegito de UEA, Bialystok, Polujo, por lia helpo en la presigo de pola ŝlosilo de Esperanto.

*** S-ro Ivan Konstantinov, Delegito de UEA en Tatar Pazarĝik, Bulgarujo, tutkore dankas al S-ro Oto Ginz, Delegito de UEA kaj S-ron Frantisek Stanek, ambaŭ en Praha, al S-ro Weissenstein kaj S-ro Rud. Mich. Frey, Delegito en Vieno por afabla helpo dum traveturo post la kongreso.

*** S-ro V. Strihavka, VD de UEA en Kladno, ĉeĥoslovakio, kore dankas al S-ro Rag. Michele Bond, Delegito de UEA en Trento, Italujo, por afable plenumita servo koncerne lian amikon.

Elmi Tamminen, VD de UEA en Helsinki-Finnlando, dankas kore la delegitojn, precipe la Ĉefdelegiton kun edzino, kaj la aliajn gesamideanojn en Praha, Dvur Králové, Hradec Králové, Novy Hradec Králové, Pardubice, Blansko, Brno, Prerov, Moravska Ostrava, Bohumin, Zilina, Lipt. Sv. Mikulás, Lipt. Hrádok, Stary Smokovec kaj Kladno pro ilia vere samideana afableco kaj helpemo dum ŝia somera vojaĝo en Ĉeĥoslovakio.

*** S-ro M. Jagoda, Ano de UEA el Ostroleka Polujo, koregе dankas al la simpatiaj samideanoj por la ĝentila akcepto, nome al S-ro Schatta, F-ino Wermke, S-ro F. Perles kaj Delegito Smolenski ĉiuj en Königsberg, plie al F-ino Margarete de Wieuw en Antverpeno kaj S-ron W. Hoffmann en Assaunen.

*** S-ino Dora Lendel, Membro de UEA el Potsdam kore dankas al sinjoroj Franceski, Altarnc kaj Albahari en Serajevo pro bona akcepto kaj ĝentila gvidado tra la tre interesa kaj pentrinda urbo.

*** Atanas D. Atanasov-Ada (Sofia), ĉefdelegito de UEA por la Bulgara teritorio, kore dankas ĉiujn samideanojn, kiuj agrabligis lian kelktagan restadon en Polujo, kaj speciale : s-ron Wl. Miernicki, del. de UEA en Warszawa, f-inon Halina Weinstein, vicdel. en Warszawa, kaj s-ron prof. Oto Bujwid en Krakow.

---

## Esperantista vivo

### Naskiĝoj.

Al Ges-roj José dos Reis Pires, Delegito de UEA en Vendas Novas (Portugalo) filo Olavo.

### Edziĝoj.

Sinjoro Fr. Skupin, ano de UEA kun F-ino Else Burkhardt en Heidelberg kaj Mannheim, 21 Septembro 1929.

F-ino Geneviève Beaumel, filino de nia delegito en Toulouse kun S-ro René Arthus, 24 Septembro 1929.

S-ro Rudolf Unger, propagandisto en Zürich kun F-ino Kunigunde Monika Keller, 28 Septembro 1929.

S-ro D-ro Kolomano de Kaloscay en Budapest kun F-ino Margarete Vangel.

S-ro Prof. Alfonso Pechan en Budapest kun F-ino Margarete Petes.

S-ro Max Walter Becker, D de UEA en Markneukirchen, German; kun F-ino Elisabeth Weiser, 7 Oktobro 1929.

D-ro Poncet, komitatano de UEA, departementa inspektoro de higieno en Bourg (Ain) kun F-ino Remandet el Saint-Germain-du-Plain.

## Plena Vortaro de Esperanto

Ni konigas al nia legantaro informon kiun ni trovis en Sennaciulo pri la redaktado de la plena vortaro de Esperanto eldonata de SAT, konsistantan el parto de la Antaŭparolo kaj de privata letero.

« La laboro estis dividata inter la 4 kunlaborantojn jene: La Trio (s-roj E. Grosjean-Maupin, Esselin, Waringhien) prenis sur sin la taskon redakti la difinojn por ĉiuj oficialaj radikoj, plie por la radikoj neoficialaj, apartenantaj al la komuna lingvo kaj ankaŭ por la teknikaj radikoj neoficialaj apartenantaj al jenaj fakoj: lingvistiko, gramatiko, fonetiko, versfarado, literaturo, belartoj, historio, arkeologio, filozofio, religio.

« S-ro Grenkamp prilaboris ĉiujn teknikajn radikojn, kiuj ne estas oficialaj kaj kiuj ne apartenas al la ĉi supre cititaj fakoj. Krome, en la iom maloftaj okazoj, kiam oficiala radiko havas, flanke de sia ordinara komunlingva senco, alian fakan propre teknikan, oficiale ne sankciitan sencon, s-ro Grenkamp ankaŭ redaktis la difinojn de tiu ekskluzive teknika senco.

« Same kiel la Trio estas sole responda pri la parto, kiun ĝi verkis, same s-ro Grenkamp estas sole responda pri la parto, kiun li, sen ia kontrolo de la Trio, redaktis. »

Por eviti estonte ĉiajn konfliktojn, estu ĝuste komprenate, ke pri tiuj ĉi eventualaj teknikaj kromaj sencoj de vortoj oficialaj, la aŭtoroj kaj ankaŭ s-ro Lanti interkonsentas, ke s-ro Grenkamp povos aldoni kroman teknikan sencon al la kutimaj komunlingvaj sencoj de iu oficiala vorto nur, se s-roj Esselin, Grosjean-Maupin, Lanti kaj Waringhien opinias prava tiun ĉi aldonon kaj enkondukon de nova senco kaj akceptos ĝin. En okazo de malkonsento la fina decido apartenos al s-ro E. Grosjean-Maupin.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-RO HANS ELFSTEN, Delegito de UEA en Mölby, Svedlando sekve de grava stomakmalsano, 18. 9. 1929, fervora samideano ĝismorte pensinta al nia kara afero.

S-RO LUDOVIKO JAKAB, malnova esperantisto hungara, verkinto de originala stenografiio esperanta, 30. Aŭg. 1929.

S-RO Z. K. BOHUS, stenografiisto, Budapest, 17 Julio

S-RO THOMAS WILLIAM HOLMES, 8-an de Septembro. Li estis eble la sola profesia desegnisto, kiu sukcesis doni al blinduloj bildojn, kiujn ili povas facile kompreni per la tuŝo.

Naskita en Newcastle en 1872, S-ro Holmes studis en la Artlernejo en Leeds, kaj poste iris Londonon, kie li distingiĝis kiel ilustristo de libroj, ĉefe gazetoj por knaboj. Ĉirkaŭ 1915 Sir Arthur Pearson proponis, ke li desegnu landkartojn kaj diagramojn por blinduloj, kaj post zorga studo de la specialaj teknikaĵoj bezonataj, li komencis labori ĉe la National Institute for the Blind, ilustrantaj per reliefaj bildoj verkojn pri geografio, arĥitekturo, kaj aliaj sciencoj. Poste, kiam la Instituto ne povis plene lin okupigi, laŭ peto de S-ro Thilander li faris por « Esperanta Ligilo » serion da landkartoj kaj aliaj reliefbildoj, precipe mirindan kolekton de « Flagoj de la Nacioj », por kiu li mem verkis la priskribojn en Esperanto. Li indikis kolorojn per lerta aranĝo de diverse proksimaj punktetoj, kiu donis al multaj blinduloj veran komprenon de la signifo de koloro. Por S-ro Thulin li ilustris muzikajn kaj fizikajn lernolibrojn por altgrada instruo de svedaj blinduloj.

Lia laboro estis ĉiam treege fidinda ĝis la plej malgranda detalo, ĉar pro amo al la blinduloj li malŝparis tempon kaj monon por certiĝi, ke lia scio estis korekta.

Kortuŝan bedaŭron pri la perdo jam esprimis leteroj de blinduloj el multaj landoj. (W. P. M.

— S-RO D-RO MADINIER, Membro de UEA, prezidanto de la Esperantista grupo de Lyon, varbita al nia movado jam antaŭ pli ol 25 jaroj.

— S-RO W. PERLITZ, urbestro de pola urbo Grajewo, ano de UEA 33540, sincera subtenanto de nia movado. P.E.

— S-RO EDUARD MICHAELIS, Ano de UEA n-ro 16194 en Magdeburg 63 jara, 22an de Oktobro 1929. Tre ŝatata samideano kies memoro bone konserviĝos inter la magdeburgaj esperantistoj.

— S-RO JAROSLAV UTIKAL, Deligito de UEA en Blansko, 10, Septembro 29 sekve de akcidento dum apliko de elektra aparato por masaĝo. Multe ŝatata en sia loko, UEA perdas ageman Deligiton.

*Sinceran kunsenton !*


## REKLAMO

*MALLONGIGOJ;* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* k.ĉ.l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

La Esperantistaro de Saarbrücken aranĝos la 7an de Decembro 1929
MEMORFESTON DE ZAMENHOF
kune kun varbvespero kaj ekspozicio. Oni petas sendi poŝtkartojn kaj leterojn al la
*Esperanto-Klubo, Saarbrücken (Saar), Schlosscafé*
ĉiu sendinto ricevos rekompense ilustritan poŝtkarton afrankitan per la maloftaj poŝtmarkoj de la Saarteritorio.


## Korespondado

### *Interŝanĝo de objektoj*

*Alba-Iulia* (Ruman.). — F-ino Elisabeto Cretariu, str. Traian 17 L. PI. fotografaĵoj k.ĉ.l. nur kun fraŭloj. Nepre respondas.

*Alba-Iulia* (Ruman.). — S-ro Ludoviko Reich, studento, Palatul Gizella, nur PM k.ĉ.l. Certe resp.

*Arad* (Ruman.). — S-ro Jozefo Wohlberg, VD de UEA, Bd. Reg. Ferdinand 46, PM kun ĉiuj eŭropaj landoj escepte Ĉeĥoslov. Atendas unuajn sendaĵojn. Certe resp.

*Arad* (Ruman.). — S-ro Eugeno Ferenczi, str. Eminescu 6, PM. PI. pentraĵoj. Disputas pri diversaj problemoj.

*Banfield F. C.* 5 (Argentino). — S-ro José Catala, Uriarte 434, salutas siajn gekorespondantojn kaj deziras denove korespondi per PI, PK. Ĉiam respondas.

*Dölzschen-Dresden* 27 (German.). — S-ro Otto Müller, PI, kun bildoj geografiaj por lernejaj celoj.

*Fresno, California* (Usono). — S-ro Bruce Longton, P. O. Box 2267., P.M., PI., L. Nepre respondos.

*Fresno, California* (Usono). — F-ino Lee Bostwick, 645 Weldon Ave., PI., L. Nepre respondos.

*Fresno, California* (Usono). — S-ro David Metzler, Route 1, Box 389., dez. korespondantojn por studentoj 14-18 jaraj.

*Gelsenkirchen* (Germanujo). — S-ro Lüerssen, Essenerstrasse 4, L., kun rusoj pri sociaj kaj filozofiaj temoj.

*Greenfield-Indiana* (U. S. A.). — S-ro Howard P. French, 31 Walnut Street, PI, bfl., k.ĉ.l. Respondas plej rapide.

*Hököpinge* (Svedlando). — S-ro Ivan Hansson, PI, L.

*Huesca* (Hispanio). — S-ro Pedro Betrán Martinez, Str. Padre Huesca 61, PM., PI., k.ĉ.l.

*Kiev* (U.S.S.R.). — S-ro D. Viktorov-Ĉeĥoviĉ, Klovski Spusk 8, kaj liaj 100 gekursanoj sendas sovetaĵojn kaj ukrainaĵojn kontraŭ esp-aĵoj. Nepre respondos.

*Kioto* (Japan). — S-ro Togoro Kanzaki, Denkkioku (Electrical Bureau) Teramachi Oike, Elektrikajn dokumentojn aŭ diagramojn k.ĉ.l.

*Kioto* (Japan). — S-ro Takeo Karakaŭa, Goshodancho 6, Shishigatani, PM, PI, Es. Insignon k.ĉ.l.

*Malmö* (Svedlando).— F-ino Gudrun Paulsen, Bergsgatan 27, PI., k.ĉ.l.

*Malmö* (Svedlando). — S-ro Ernst Nilsson, Kornettsgatan 9, PI., k.ĉ.l.

*Nagoya* (Japanujo). — S-ro Sigeo Kobayasi, Zyosin-Higasi, Nisi-ku, L., PI., k.ĉ.l. Ne interŝanĝas PM.

*Nevrokop* (Bulgar.). — S-ro Dimitr Zahariev, 19 jara fraŭlo, fotografisto, ulica Mitropolit Ilarion 59, L., PI., pri ĉiaj temoj. Nepre respondas.

*Oradea* (Rumanio). — S-ro H. Magyari, oficisto, Phoebus S.A. Piataiosia, PM nur kun Hungarujo, Aŭstrio, Francujo, Saar, Belgujo, Finnlando, Polujo, laŭ Senf 1930. Nur registritaj sendaĵoj garantiataj.

*Oviedo* (Hispanujo). — S-ro Antonio Jiménez Mora, Infanteria komandanto, Delegito de UEA, PI., bfl., PM nur nunaj. Ĉeĥoslovakoj bonvolu ne sendi centope.

*Pècs* (Hungarujo). — F-ino Bella Báyay, Teréz utca 17, PM., PI., bfl., k.ĉ.l.

*San Francisco* (U. S. A. Cal.). — S-ro H. Edwards, VD de UEA, 1454, California Street, PI., bfl., PM., laŭ Scott.

*Southwick* (Angl. Sussex). — S-ro P. L. Ide, e 23, Underdown Road, PI., L., 25 jara fraŭlo. Korespondas france, hispane, germane kaj esp.

*Stanimaka* (Bulgar.). — S-ro Kiril Buzdrof, Str. Asparuĥ 1, L., PI., k.ĉ.l.

*Szentes* (Hungarujo). — S-ro Nikolao Czilczer, Szondy Ucca 1, PM. k.ĉ.l.

*Tampico* (Mexico). — S-ino Mathilde J. de Guerra, L precipe kun gesamideanoj en Eŭropo.

*Tampico* (Mexico). — S-ro Ernesto E. Guerra L kun sinjorinoj kaj fraŭlinoj kapablaj kulturi amikecon longtempe kaj sinjoroj kiuj ne estu kolektantoj aŭ funebraĵistoj. Prefere Eŭropanoj.

*Teheran* (Persujo). — S-ro H. Taher Zadah, Professeur de l'école Tarbiate 20a jara perso, PI., L., k.ĉ.l. fot-aĵoj de esp. grupoj kaj de individuoj.

*Tempeh O. L.* (Javo, Via Loemadjang). — S-ro Ong Thian Tong, L., PI., Esp. Aŭ angle nur kun ĉinaj gesinjoroj aŭ gefraŭloj en Ĉinujo. Certe respondos.

*Tojama-Ken* (Japan.). — S-ro M. Kaŭakiŝi. Enami Maĉi, pri literaturo, dramo kaj filmo k.ĉ.l.

*Vught* (Nederlando).— S-ino G. van Heeswijk, B. 1, Kloosterstraat, PM.

*Wien IV* (Aŭtrio). — S-ro Francis S. Onderdonk, Argentinierstrasse 4, serĉas Exlibris-ojn interŝanĝe aliajn. Angle Germane kaj france.

*Wien V* (Aŭstrio). — F-ino Franci Engel, Kliebergasse 3/14, PM kun Irlando, Latvio, Estonio, Litovio kaj Albanio. Ne sendas unue.

*Wiipuri* (Finnlando). — S-ro P. K. Söderlund, juĝisto, Pietarink. 10 as. 5. PM. k.ĉ.l.

*Zaragoza* (Hispanujo). — S-ro Pedro Marqueta, Santa Inés 4, L., PI., PM., kun gejunuloj ĉiulandaj.

## Petoj kaj Proponoj

### INTERNACIA KOMERCO

*Adresŝanĝo.* — Per tio mi sciigas al ĉiuj miaj korespondantoj ke mia nuna adreso estas :

M. Jagoda, Santa Maria, Lista de Coreos, Kolombio, Ameriko. (Antaŭe en Ostroleka, Polujo).

*Eklezio.* — « La Libera Eklezio », germanlingvan programon sendas senpage Lüerssen, Essenerstrasse 4, Gelsenkirchen, German.

*Enketo.* — Preskaŭ ĉiu homo kredas je ia rilato inter la vetero kaj la fazoj de la luno. D-ro C. Baart de la Faille, Delegito UEA en Arnhem, Nederlando, Roellstraat 8, deziras kolekti la precize esprimitajn opiniojn de kiel eble plej multaj personoj pri tio. Bonvolu mencii ankaŭ vian profesion.

*Eŭropaj filatelistoj.* — Ĉiuj kiuj volos ricevi poŝtmarkojn de Nederlando sendas loo malsamajn PM de ilia lando al A. Wolterbeek, N. Ginnekenstraat 33, Breda, Nederlando.

*Esperanto.* — Malnovaj numeroj de « Esperanto » estas serĉataj : N° 115-124, 245, 246, 248, 249, 285, 287, 321, 324, 325. Al sendintoj ni rekompence sendos samvaloron, laŭ deziro : maloftajn libretojn, sigelmarkojn, gazetojn antaŭ 1905, gvidfoliojn antaŭ 1914. Sendu al « Bibliografia Servo » UEA, 1, Tour de l'Ile, Genève.

*Filatelistoj.* — Vendas PM, servajn aerajn, bonfarajn, PK maŝinstampaĵojn papermonon. S-ro K. Riess, Laŭingen, Clemensstrasse 6, Bavario, German.

*Peto.* — Pro neebleco sendi el nia lando monon al eksterlando, mi petas samideanon aboni por mi la gazeton *Esperanto* por unu jaro kaj sciigu min per kio aŭ kiamaniere mi povas aŭ devas rekompensi vin por tio. Kompreneble mi ĝojus se samaniere mi povus ankaŭ aliĝi al UEA. Adreso : Berezovskij, Petrovka, Boriĉev tok 30-3, Kiev, Sovetunio.

*Porcelano !* — S-ro Izso Brüll, Cluj (Ruman.) porcelanfabriko « Iris », sendas PI, turistajn vidaĵkartojn, PM. por verkoj, katalogoj pri nova-malvona porcelan- kaj keramika industrio.

*Poŝtmarkkolektantoj.* — Novzelandajn PM mi sendos por PM de via lando. S-ro Dewing, 5 Aldred Road Remuera, Auckland, Novzelando.

*Poŝtmarkoj.* — Kiu sendos al mi 50 aŭ 100 poŝtmarkojn, eble diversaj el sia lando ricevos interesan esperantajon. Interŝanĝas kun ĉiuj landoj. Deziras ĉiam interŝanĝi flugpoŝtleteroj aŭ PM. F-ino Rozina Schmidt, Ahornallée 6, Breslau, German.

*Poŝtmarkoj.* — S-ro H.J. Tuinder, Delegito de UEA, Kemoeningweg 38 Soerabaya, Nederlanda Indio, PM k. ĉ. 1. Ne sendas unue. Certe rekompencos per sama kvanto aŭ valoro.

*Poŝtmarkoj rumanaj.* — 50 malsamaj PM nur 100 Leoj Skribu al : N. Christea, Teiuŝ, Rumanio.

*Silk-poŝtuketoj.* — Ĉu vi jam posedas... Silk-poŝtuketojn por Esperantistoj ? Se ne, Ilustritan novan prezaron pri tiuj kaj aliaj karakterizaj produktaĵoj en la lando de leviĝanta suno, Japanujo, tuj senpage postulu de : DAIKOKUYA & K-IO., P. O. Box 11, Akatsuka, NAGOYA, Japanujo.

*Ŝanĝo de adreso.* — La nova adreso de Atanas D. Atanasov, ĉefdelegito de UEA por la Bulgara teritorio kaj loka delegito por Sofia, estas : *Sofia, str. Gladstone* 52 *(Bulgarujo).*

# Kunlaboro dezirita de I. C. K.

La I.C.K. serĉas la honor-ofican kunlaboron de spertaj samideanoj por div. propagando-preparoj. Helpantoj akiros grandan meriton subtenante tiujn gravajn preparojn. Ni rekomendas al interesitoj kaj spertuloj sin turni al la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, 1, Tour-de-l'Ile, Genève (Svislando). Temas pri la sekvantaj taskoj :

1) Radio-statistiko en div. landoj.
2) Verkado de ŝlosilo de Esperanto en irlanda lingvo,
3) Verkado de ŝlosilo de Esperanto en malta lingvo,
4) Traduko de ŝlosilo en sudafrikanan (kabholandan) lingvon laŭ nederlanda manuskripto,
5) Kompletigo de ŝlosilo en urdua (hindustana) lingvo, arablitere skribita,
6) Transskribo de arablitera (urdua) ŝlosilmanuskripto en hindian lingvon per devanagara skribo.

Verkintoj aŭ projektantoj de lernolibroj kaj instruiloj en *ne-eŭropaj* lingvoj sin turnu al ICK por pritrakto de aperigeblo.

Nia redakcio uzas la okazon por memorigi al la samideanaro, ke ICK ankaŭ daŭre kaj volonte akceptos eĉ plej modestajn mondonacojn por plifortigo de la « Fundo por ŝlosiloj » el kiu aperigo de ŝlosiloj de Esperanto estas subvenciata. Dank'al tiu fundo ĝis nun 12 ŝlosiloj povis aperi respektive reaperi.

## INFORMO DE LA REDAKCIO

Kun la nuna numero estas sendata la Oficiala Informilo de UEA N-ro 1 (1930. Bonvolu atenti pri tio.

La nuna numero aperas por Novembro-Decembro; la Januara 1930 numero aperos pli frue ol kutime kaj estos pli ampleksa.


# LA "INTERNIARO"

**(Internacia Frataro)**

**Direktoro : LIVINGSTONE JENKINS**

**FONDO, CELOJ k.t.p.**

La « Interniaro » fondiĝis en la jaro 1923a (unue sub la nomo « Esperanta Kolportista Asocio »), kaj rapide gajnis la subtenon de multaj, kiuj deziris konservi la « Internan Ideon de Esperanto ».

Spite de la fakto ke la « Interniaro » konsistas plejparte el Kristanoj, kaj ĉiam penadas disvastigi la konon de la instruoj de Jesuo, ĝia larĝa elrigardo jam allogis multajn kiuj, kvankam apartenantaj al aliaj religioj, povas harmonie labori kun ni por la komunaj celoj de Paco kaj Frateco.

Frateco estas por ni ne nura vorto, sed (kiel multaj ja povas atesti) vere vivanta forteco inter la anaro de la « Interniaro », kaj la mirinda progreso de nia asocio estas pere de sinoferada laboro de la anoj mem.

Esperanto estas la oficiala lingvo de la « Interniaro », sed Biblio-Partoj kaj alia literaturo estas disdonata ankaŭ en aliaj lingvoj. Ne-Esperantistoj povas aliĝi kaj labori per sia nacia lingvo.

Nia gazeto, « Inter Ni », same kiel la asocio, havas Kristanan karakteron, sed samtempe malfermas siajn paĝojn por libera interdiskutado.

**MEMBRECO, KOTIZOJ k.t.p.**

(1) ***Aprobantaj Membroj*** estas tiuj kiuj deziras montri simpation por niaj celoj kaj laborado, sed ne povas oferi aktivan subtenon.

(2 ***Aktivaj Membroj*** estas tiuj, kiuj deziras partopreni nian laboradon kaj ricevi regule niajn sendaĵojn. Ili pagas jarkotizon de almenaŭ 2 ŝilingoj (2 RM., 2.50 sv. fr. aŭ 0.50 us. dol.).

(3) ***Subtenantaj Membroj*** estas tiuj, kiuj deziras subteni pligrande nian laboron kaj donacas jare almenaŭ kvin ŝilingojn.

(4) ***Kolektivaj Membroj*** estas grupoj, firmoj, asocioj aŭ federacioj, kiuj deziras filiiĝi al la « Interniaro » kaj pagas jarkotizon de almenaŭ 10 sv. frankoj (grupoj povas filiiĝi senkotize, sed sen plenaj rajtoj de membreco, aliaj grupoj povas pagi duone).

Nia gazeto, « Inter Ni », kaj aliaj oficialaj presaĵoj estas sendataj al ĉiuj pagantaj membroj de tempo al tempo.

Ĉiu membro (kiu sendas afrankon) rajtas ricevi pakaĵon de senpaga literaturo.

*Gazeta Sekretario:* THEOD. WILHELM TEICH, Wilhelm-Str., 43, RHEIDT (Rheinland), Germanujo.

*Centra Oficejo:* 64, St. Thomas' Rd., Finsbury Park, London, N.4., Anglujo.

*Korespondа Sekretario:* F. CURTO BASTE, Oliva 28 (Sagrera), Barcelona, Hispanujo.

La « Interna Rondo » de la « Interniaro » sendas senpage al ĉiu kiu sendas la afrankon la jenajn libretojn.

**La Evangelio laŭ Sankta Marko,**
**La Evangelio laŭ Sankta Johano,**
**Biblio-Partoj,**
**La Kvakerismo** (mallonga raporto),
**George Fox** (bibliografio),
**" Inter Ni,"**
**" Kristana Revuo."**

Skribu *(preslitere)* al la « Interna Rondo » de la « Interniaro », kaj enmetu poŝtmarkojn aŭ respondkuponojn (por afranko). Adresu jene :

*Livingstone Jenkins*, 64 St. Thomas' Road, Finsbury Park, London, N.4.
*Francisko Curto Basté*, Oliva 28 (Sagrera), Barcelona, Hispanujo.
*Theodor Wilh. Teich*, Wilhelm Str. 43, Rheydt (Rheinland), Germanujo.
*Georg Kroll*, Gitschiner Str. 66, Berlin, S.42, Germanujo.
*Reg Banham*, 560 Station Street, N. Carlton, Melbourne,
*Reginald Gill*, 161 Hestiler Road, Manor, Sheffield, Anglujo.

# La Federacio de la Mondo per "La Unismo" kaj Esperanto

## Kiel nia mondvasta kooperativa metodo kaj komuna lingvo povos reciproke helpi

Kion fari por ke la nacioj atentu pli serioze pri Esperanto ? Ni kredas ke oni devus energie uzi la lingvon por diskonigi planojn kaj idealojn utilajn je la mondo. La tempo kiam troviĝas danĝerplenaj problemoj rilate al la industrio kaj al la politiko oni ne koncernas sin multe pri lingvaj aferoj. La mondo ja bezonas kaj serĉas planon por unuigi individuojn, grupojn kaj naciojn ĝis kiam mondfederacio ebliĝas. Tiurilate internacia lingvo povas helpi per disvastigado de taŭga plano.

Nia eduka movado tial proponas eksperimenton pri la uzado de Esperanto. Ĉiu simpatia leganto uzu la lingvon por anonci la metodon de « la unismo » kiu montras kiel starigi industrian kaj politikan pacon en ĉiuj landoj kiel paŝo al internacia kunhelpado.

Kvankam la plimulto da homoj deziras kunagi ili ankoraŭ ne sukcesis pro manko de interkonsento pri taŭga plano. Multaj metodoj jam publikiĝis sed kutime pli konfuzigas la popolojn. Tial « La federacio de la mondo » movado sugestas simplan planon por ebligi la deziratan kunagadon.

Tra la mondo troviĝas grava batalado inter la individualistoj kaj la socialistoj. La unuaj volas daŭrigi privatan posedadon de la maŝinaro de produktado kaj de la distribuado. La aliaj kredas ke la komunumo devus iel kontroli. Kiel ĉesigi ĉi tiun gravan disputadon ? Responde « la unismo » proponas ke :

La individuoj organizu la produktadon.
La komunumo organizu la distribuadon.

Tia kooperativa kompromiso signifas ke privataj individuoj kaj grupoj havas la rajton kaj devon organizi ĉiajn produktivajn industriojn aŭ kampare aŭ urbe. Aliflanke la komunumo alprenas la metodojn de Hoover, Bellamy kaj de la kooperativa movado por ordigi la transportadon, konservadon kaj vendadon — precipe de ĉiutagaj necesaĵoj, nutraĵoj kaj de materialoj krudaj. Ĉi tiu sistemo de nacia distribuado funkcias je la dispono de ĉiuj produktantoj kaj konsumantoj. Samtempe kreskas modelo por internacia komerco por anstataŭigi la nuntempajn metodojn kiuj tiel ofte incitas la militon.

Por pli efika administrado necesas ke la partia sistemo de registaro fariĝu kooperativa. Ĉiuj grupoj elektu justan nombron da parlamentanoj per proporcia reprezentado — metodo jam uzata en kelkaj eŭropaj landoj, ekzemple — grupo A kun 10 mil subtenantoj elektas 10 anojn : Simile grupo B kaj C kun 8 kaj 3 mil subtenantoj elektas 8 kaj 3 anojn respektive. Tiel fariĝas parlamento vere reprezentema kaj ĝi posedas pli grandan aŭtoritaton agi en la nomo de la tuta nacio, precipe dum krizoj. Plie la administrado devus enhavi anojn el ĉiuj partioj, kiel en Svisujo, kaj ĝi deĵoru laŭ politikaj decidoj de la tuta parlamento per plimulta voĉdonado, aŭ laŭ aranĝita periodo de proksimume 3 jaroj.

Tia plano je industrio kaj parlamento malebligas danĝeran revolucion kaj plifaciligas parol-liberecon kaj la konsideradon de ĉiuj aliaj reformplanoj rilate al la tero, la financo, la eduko la komerco k.t.p. ĝis saĝaj politikoj estas alprenitaj.

Kvankam estas dezirinde ke ĉiuj pripensu, parolu skribu laŭvole kaj libere estas absolute devige ke granda plimulto interkonsentu pri iu plano kiam publika agado fariĝas necesa. Jen estas la graveco de la unisma ideo. Verŝajne oni ne tiel kunagos ĝis kiam senlaboreco, malsato kaj netolerebla mizero okazos. Tamen ni pretigu nin tiuokaze labori kunhelpeme.

La leganto estas tial petata ke li faru kopiojn de nia tuta anonco kaj sendu almenaŭ du ekzemplerojn al geamikoj kun peto ke ili simile agu, se necese kun traduko laŭ patra lingvo por samlingvanoj kiuj ne parolas Esperanto'n. Jen grava uzo de nia lingvo.

Mono ne estas necesa por aliĝi al nia federacio. Simpatio kvieta aŭ energia sufiĉas por fariĝi « unisto » aŭ « Unistino ». Senpagaj broŝuretoj estas haveblaj ĉe S-ro Colin Unwin poŝtkesto 47, P. 0.47, Fremantle, Okcidenta Aŭstralio (Western Australia) kiu honore deĵoras por :

**" LA FEDERACIO DE LA MONDO " MODAVO**


# Plej bela donaco

**por honori meritplenan samideanon estas sendube la**

# ESPERANTISTA HORLOĜO

# „ L'ESPERO "



**Ankra movo.**
**15 rubenoj.**
**Nikelo oksidita.**
**Aspekto kvazaŭ malnova arĝento**
**Interna kovrilo.**
**Verda stelo kiel emajlo.**
**Bonega kvalito.**








**Prezo kun sendo kaj asekuro :**
**55. - Frankoj sv.,**
**1 pagebla kun la mendo al :**
**Komerca Servo,**
**Universala Esperanto-Asocio**
**1, Tour de l'Ile**
**Genève, Svislando.**



# AL LA TUTMONDA ESPERANTISTARO

## 1924 VIENA DEFICITO

KARAJ HELPEMAJ AMIKOJ,

Al vi ni nin turnas kun la celo elkuraci por ĉiam la malsanon, kiu ĝenas kaj ĉagrenas ne nur la korpon sed ankaŭ la veran spiriton de la Esperanta movado.

Preskaŭ ĉiu samideano aŭdis pri la grava mondeficito, kiu rezultis el la Internacia Esperanta Kongreso okazinta en Vieno, 1924.

Multaj ridis pri tio ; multaj mokis ; ankoraŭ pli multaj kondamnis. Aliflanke, kelkaj sindonemuloj donacis al la malplena kaso ; kaj, intertempe, malgranda grupo de Vienaj samideanoj akre suferis. Dume, la ĝenerala Esperantistaro daŭrigis sian feliĉan vojon tute nekonscia pri la kruelaj faktoj.

* * *

Nu, dum la Kongreso en Budapeŝt, ĉe speciala kunveno de la Ĝenerala Estraro de la Esperanta Movado, post alvoko de S-ro Stettler, Prezidanto de U.E.A. (kiu ĝisfunde esploris la tutan malgajan historion), oni elektis malgrandan komitaton, kies tasko estas fari lastan klopodon kolekti laŭeble sufiĉe da mono por pagi la deficiton. Ĝi konsistas el :

S-ro J. MERCHANT, Prezidanto de I.C.K. — S-ro ED. STETTLER, Prezidanto de U.E.A.
S-ro F. SCHOOFS, Sekretario-Kasisto de K.R. — S-ro P. BLAISE, Honora Kasisto de B.E.A.

El la granda amaso de konfliktaj detaloj, asertoj, kondamnoj, kaj senkulpigoj, eliras unue la certa fakto, ke tuj post la Viena Kongreso restis ŝuldo de sv. fr. 15,540 (proksimume £620) kiu, ĝis fino de Junio, 1928, grade malpliiĝis ĝis sv. fr. 9,388, t.e., £376.

Pri la kaŭzoj de la malsukceso financa de tiu kongreso neniam ekzistos plena interkonsento, sed oni rajtas diri, ke aldone al eblaj maltaŭgaj aranĝoj, eraroj, senzorgemo, k.t.p., estis nerifuteble, ke plejparte malhelpis la nesufiĉaj aliĝoj, nesufiĉaj kotizoj, kaj lastmomentaj revokoj ; la malvaloriĝo de mono diverslanda, kaj la malfavoraj cirkonstancoj politikaj kaj ĝeneralaj.

Ĝis Feb., 1926, la Vienanoj ricevis donacojn de sv. fr. 1,620 (£65), el kiu 1,000 fr. (£40) venis de U.E.A., kiu volis per tiu ofero el sia kapitalo montri la vojon al samideanoj helpemaj. Plie, per vendoj, procesa malgrandigo de ŝuldoj, k.t.p., la deficito fariĝis sv. fr. 9,830 (£395). Sed, malgraŭ ĉiuj postaj alvokoj pri helpo dum la sekvantaj jaroj la ŝuldoj plie malgrandiĝis nur ĝis sv. fr. 9,388 (£376).

Tiam la kreditoroj, presisto kaj aliaj — kiuj, kompreneble, ne povis ĉiam atendi — decidis leĝe persekuti la restantajn membrojn de la Viena loka komitato. Oferante sian modestan havajon, deprenante el la salajro ĉion, kion ili ne bezonegis por la ekzisto de la familio, tiuj malfeliĉuloj devis pagi tiom, kiom ili povis, tio estas sv. fr. 5,623 (£225) ; kaj tiamaniere malpliiĝis la ŝuldo ĝis sv. fr. 3,765 (£151) en Decembro, 1928.

En la nuna jaro la malgranda aro de Vienanoj (kiuj iam estis la plej senkulpaj el la akuzitoj kaj tamen nun estas la sole ŝarĝitaj) — konsistas el KVAR modestaj Esperantistoj bonfame konataj kaj honestaj. Troe premitaj en la abismon de malfeliĉo kaj mizero, ili sendis korkrion al la Prezidanto de U.E.A., kiu promesis okupiĝi pri la afero nur se oni forlasus la diskuton pri jura kaj persona respondecoj ; se oni ĉesus amasigi montojn da ciferoj, rezignus je la repago de ĝisnunaj personaj oferoj, kaj konsentus al provota kolekto je, ni diru, sv. fr. 5,000 (£200), por pagi la restantan deficiton kaj, se eble, iomete helpi al tiuj Vienanoj, kiuj dum la lastaj jaroj sin senigis de ĉio por pagi la diritan sumon de sv. fr. 5,623 (225). (S-ro Stettler samtempe faris propran malavaran donacon).

Jen, karaj legantoj, kiel eble plej mallonge, la tuta malagrabla afero.

Ĉu inde estas, ke nur kelkaj suferu pro ŝuldo, kiu tuŝas la honoron de la tuta Esperantistaro ; ke ni parolu pri amo al la homaro ĝenerala, kaj ignoru la malfeliĉulojn en nia rondo mem ; ke ni festu novajn kongresojn kaj forgesu la malĝojon de kelkaj malfeliĉaj organizintoj de la deksesa ?

**Ne, milfoje ne ?**

**Memoru tion, kion faris la bonkoraj Esperantistoj dum la milito ; memoru kion ili faris kiam alvokis la infanoj de la militintaj landoj, kaj en centoj da aliaj bezon-okazoj. Tiam decidu, ke vi tuj alprenos VIAN parton de la terura ŝarĝo, kiu nun tiel premegas sur la ŝultrojn de niaj bonaj Vienaj amikoj. Kial ne tiamaniere solenigi la alproksimiĝantan Zamenhoftagon per malavara donaco ?**

Jen vi vidas la makulon. Ĝin ellavu !

Jen vi komprenas la neceson serĉi viajn monujojn. Ilin larĝe malfermu !

Jen vi konscias, ke fine la momento venas por montri ne nur al la mondo, sed al ni mem, ke Esperantismo *ĉiam* atentas la krion de la koro, kaj la gravan bezonon de iu malfeliĉa homo. Ĝin ne preterlasu !

* * *

Sv. fr. 5,000 (£200) unuavide ŝajnas esti sufiĉe grava sumo, sed se ĉiu individua Esperantisto konscience helpos laŭ sia modesta eblo, en unu jaro, eĉ en la daŭro de nur kelkaj monatoj, la tuta afero povos aranĝiĝi laŭ la kontento kaj feliĉo de ĉiuj koncernataj.... t.e., de la tuta Esperantistaro.

Fidante kaj sindone,

(Honoraj Kasistoj).

*Oktobro*, 1929. — MARGARET & PAUL BLAISE,

# LA KOLEKTADO

Estas proponite, ke ĉiu nacia societo elektu reprezentanton kiu ricevos kaj forsendos la monon.

Kompreneble ĉiu individuo povos laŭprefere sendi la monon rekte al Ges. P. Blaise, « Bonveno, » 47, Manor Way, North Harrow, Middx., Anglujo. *Sed estos grava ŝparo de tempo mono, kaj laboro, se la naciaj societoj aŭ la gazetoj elektos provizoran, fidindan kasiston kiu, siavice, kolektos la monon.* Sendu do la sumojn al la supra adreso aŭ al

Universala Esperanto-Asocio, 1, Tour de l'Ile, Genève (Poŝtĉeko I. 2310) *aŭ al*
S-ro F. Schoofs, 11, rue du Petit Chien, Anvers, Belgujo (Poŝtĉeko 28420).

Ĉiu sumo estos tuj avizita poŝtkarte al la sendinto ; kaj de tempo al tempo aperos listoj en « Esperanto » de la sumoj ricevitaj, kun peto ke aliaj gazetoj represu.

Ni esperas, ke la Esperantistaj grupoj en ĉiuj landoj helpos laŭeble per rond-kolekto, kaj tiamaniere, certe, la tuta sumo tre facile kaj rapide kolektiĝos.

Estu konkurado inter la landoj !

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE